XIa jaro. No 167 (8) ☆ Duonmonata ☆ 5 majo 1914

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

**Ordinara eldono** . . . . . . . . 5. — Frankoj (2. — Sm.)
**Luksa eldono** . . . . . . . . . 6. 25 Frankoj (2. 50 Sm.)
*Svisa poštčeka konto I. 824. — Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato*

REKLAMO

**Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . **0.50 Fr.** (0. 20 Sm.)
**Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) . . . . **0.40 Fr.** (0. 16 Sm.)
**Korespondado** (1 enskribo) . . . . . . **0.50 Fr.** (0 20 Sm.)
*Rabatoj: 4 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %; 24 enpresoj 50 %*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



NUNTEMPAĴOJ

## FUTURISMO

Ĉiuj gazetoj ŝerce raportis pri tiaj aŭ aliaj strangaĵoj rilataj al la „futurista“ movado, sed malmultaj penis informi sian legantaron pri la ĉefideoj de tiu supermoderna tendenco, kiun iuj konsideras kiel signon de spirita malsaneco aŭ frenezludon, kaj aliaj kiel simptomon de utila reakcio kontraŭ la tropremo de l' pasinteco. Kian ajn opinion oni havas pri tio, oni sendube konsentos, ke kelkaj senpartiaj klarigoj pri tiu movado havas lokon en nia rubriko „Nuntempaĵoj“.

La 20 februaro 1909 aperis en la pariza gazeto „Le Figaro“ proklamo titolita „Manifesto de l' futurismo“, kiu, inter alie, enhavis la jenajn alvokojn:

„Ni volas kanti la amon al danĝero, la alkutimiĝon al energio kaj al maltimego;

„ni volas glorlaŭdi la atakemon, la febran maldormon, la marŝon rapidegan, la vangfrapon, la pugnon;

„ni volas liberigi Italujon de ĝia putra gangreno de profesoroj, arkeologoj, ĉiĉeronoj kaj antikvaĵistoj;

„ni forbruligos la bibliotekojn kaj subakvigos la muzeojn; ni ekprenos la pioĉojn, la hakilojn, la martelojn kaj disruinigos senkompate la respektitajn urbojn ktp.“

Tiu ĉi manifesto, intensega kaj revoluciema, subskribita de iu ĝis tiam malmulte konata F. T. Marinetti, publike iniciatis la futuristan movadon. Aro da junaj viroj kuniĝis ĉirkaŭ la iniciatinto kaj komencis vigle propagandi la novajn ideojn, malŝatante la atakojn kaj la mokojn de l' kontraŭuloj multenombraj.

Kion ili celis? Ĉu ili agis serioze aŭ ĉu eble ili estis frenezuloj kompatindaj? — Tion ni resume ekzamenos.

Ĉiu forto, ĉu materia aŭ mentala, naskas reakcion; tiel ankaŭ la amo al pasinto naskis malamon al ĝi: jen la genezo de l' futurismo, kiu estas akra milito kontraŭ ĉio antikva kaj malnova, kontraŭ ĉiu ĝis nun ŝatata restaĵo de pasinta kulturepoko.

Estas kompreneble, ke tiu ĉi reakcio ne povis naskiĝi krom en lando, kie, pli intense ol aliloke, estis enradikiĝinta la kulto al pasinto, nome en Italujo. La riĉa heredaĵo arta kaj historia de tiu lando, ŝajnis al la futuristoj sennecesa balasto; en la respekto por la antikvaj artaj ĉefverkoj kaj por la historiaj restaĵoj, ili ekvidis sklavecon forĵetindan, kaj, kvazaŭ apostoloj de regeneracio, ili ekatakis senkompate la pasinton kaj ĝiajn produktojn.

Eble, por pligrandigi la efekton de sia entrepreno per ekstera atako, ili elektis Francujon kiel centran originon de l' movado; sed ili estis italoj, kaj fakte, post nelonge, ili transportis sian agadkampon en Italujon.

La alvokoj pri detruo kaj ruinigo, enhavataj en la manifesto, ne celas, nature, laŭvortan plenumon, sed havas nur simbolan signifon.

La futurismo fortranĉas ĉiun ligilon de la moderna vivo kun la estinta, renversas la malnoviĝintajn sistemojn de l' arto kaj de l' pensado, celas emancipi la junulojn de ĉiu pasinteca influo kaj starigi la liberecon de l' intelekta evoluo.

La futurismo volas skui abrupte la modernajn artistojn el ilia inerteco mentala kaj fortiri ilin el la senutila kaj danĝera admiro de iliaj prauloj; la futurismo ekscitas la junajn cerbojn forĵeti la superfluan kaj malhelpeman instruadon klasikan kaj dediĉi siajn fortojn al kreado libera kaj individua.

— „Multaj, kiuj estus provintaj produkti verkojn originalajn kaj novajn, sentis sin sufokitaj de la peza atmosfero de antikveco, de tradicio, de reguloj, de akademioj, de pasinta grandeco, de nostalgiaj rememoroj, kiu estas en Italujo. Ĉiu strangaĵo, ĉiu ardemo, ĉiu klopodo al noviĝo kaj al moderneco de l' arto estas tuj kondamnitaj de la aŭtoritatuloj rektepensantaj, de la „gardistoj“ de l' muzeoj

kaj de l' bibliotekoj, kaj taksitaj kiel sensencaĵoj, petolaĵoj, infanaĵoj. Nuntempe, por akiri la gloron, necesas esti „serioza“ kaj sekvi la bonajn tradiciojn, la respektindajn nomojn, la senmortajn modelojn klasikajn!“

Jen kontraŭ kio ribelas la futuristoj. Ili plendas, ke preskaŭ ĉiuj urboj en Italujo jam fariĝis senvivaj muzeoj, foiroj de antikvaĵoj, magazenoj de fotografaĵoj, de ilustritaj poŝtkartoj, de libroj antikvaj, de antikvaj bildoj. Ili celas malhelpi, ke la moderna vivo veneniĝu en la sklaveca imitemo kaj adorado de l' antikva, ke la nuntempa arto speguliĝu en la pasinta, mortigante energiojn kaj virgajn fortojn.

La futuristoj proklamas la absolutan liberecon de l' arta kreado. Respekto al pasinto signifas respekton al reguloj, al modeloj, al idealoj jam atingitaj. Sed vera genio kreas, kaj kreado sin manifestas en „diverseco“; kondiĉo por atingo de diverseco estas tamen „libereco“: do, „libereco“ estas la unua kaj ĉefa klopodo de l' futuristoj.

Libereco en la ritmo, libereco en la vortoj, en la formoj, en la fantazio, libereco kompleta en ĉiu ago kaj faro de l' homa aktiveco, libereco puŝita ĝis la strangeco, eĉ ĝis la burleskaĵo kaj ĝis la absurdo. Preferinde estas eksciti mokojn kaj ridemon per libera kaj senĝena uzado de l' intelekto, ol rikolti aplaŭdojn per sengenia kaj senfrukta kopiaĉado!

La futuristoj estas vere fidelaj al sia programo. Iliaj verkoj estas absolute diversaj ol ĉio ajn, kion oni vidis ĝis nun kaj montras, ke la verkistoj timas nek ridindecon nek kritikojn plej akrajn.

Se ni ekzamenas la futuristajn artaĵojn, ni konvinkiĝas tuj, ke la atributo „arta“ ne povas al ili esti aplikata, almenaŭ laŭ la ĝisnuna signifo de tiu vorto.

La diversaj branĉoj de l' Belartoj futuristaj havas, kiel morala direktilo, sian manifeston.

La „Manifesto de la futurista literaturo“ enhavas, inter multaj aliaj, la sekvantajn regulojn:

„la adjektivo kaj la adverbo devas esti forigitaj, ĉar ili malklarigas la sencon de l' substantivo kaj de l' verbo;

„la sintakso devas malaperi, ĉar ĝi estas senutila malhelpo al libera elvolviĝo de l' penso; oni devas aranĝi la substantivojn hazarde, en la ordo ... senorda, laŭ kiu ili elŝprucas el la cerbo; la ĝisnuna interpunkcio devas esti anstataŭigita per alia, pli moderna, t. e. de la matematikaj signoj, ktp.“

Laŭ tiuj ĉi reguloj la futuristaj verkistoj kunmetas la tieldiritajn „vortojn en libereco“, kiuj, nuntempe, estas komprenataj de neniu krom de la kunmetistoj mem. Tion ili bone scias, ĉar, por propagandi la aferon, ili uzas la komunan „pasintistan“ skribmanieron.

La poezio futurista ŝatas la „verson liberan“: sen rimo, sen metriko, sen ritmoj, kaj ĝi ne laŭdas la pacon kamparan, la sonorilojn plaŭdantajn, la riveretojn idilie fluantajn, sed priskribas la krakadon de l' maŝinoj, la bruegon de l' artilerio, la sibladon de l' uragano.

Sed la noviĝo, kiu atingis la plej altan gradon de originaleco, de strangeco kaj de scivolemo ĉe la publiko, estas la futurista pentrarto. Tie, la futuristoj revoluciis ĉion ĝis nun konatan kaj ŝatatan kiel fundamento de l' arto.

Kaj, kvankam iliaj kreaĵoj en tiu branĉo estas preskaŭ ĉiam nekompreneblaj kaj eĉ groteskaj, estos tamen interese ekzameni, kiamaniere la aŭtoroj klarigas kaj pravigas sian procedon.

La pentrarto futurista celas reprodukti la movadon. La statikaj bildoj, ĝis nun pentritaj, ne estas verecaj. Ĉiu objekto havas en si mem movadon, ankaŭ kiam ĝi estas staranta. La futuristoj nun klopodas fiksi sur la tolo tiun movadon, aŭ plivole la formon de l' objekto kreita de l' sinsekvado de siaj statoj de movo. La movado de iu objekto devenas, laŭ la futurista koncepto, de la influo, kiun la objekto efikas sur sia ĉirkaŭaĵo. Kiam pluraj objektoj staras unu apud a alia, iliaj influoj sin renkontas kaj kunpenetriĝas reciproke, tiamaniere, ke la direktoj de iliaj movadoj deformiĝas kaj sin plektas.

„Bildo futurista, do, prezentas la samtempecon de la reciprokaj influoj de la abstrakte moviĝantaj objektoj kaj de ilia ĉirkaŭaĵo.“

Tiu fundamenta principo de la arto futurista estas nomata „dinamismo“. Simpla kaj tuj komprenebla ĝi ne estas, sed nova kaj kuraĝa, kaj tion ĝuste celas la futuristoj.

Kelkaj konfuzas la futurismon kun la franca „kubismo“ aŭ ankaŭ kun la multe pli malnova kaj diverscela „impresismo“. Mi ne volas nun pritrakti ankaŭ tiujn ĉi artajn tendencojn; mi rimarkas nur, pro klareco, ke ambaŭ estas „statikaj“ prezentadoj de l' naturo, kvankam ili jam estas klopodoj por la moderna reformo de l' pentrarto. La futurismo, por la unua fojo, sin liberigis de l' senmova naturo kaj enkondukis la teorion de l' dinamismo.

Laŭ la supredirita j doktrinoj, estas kompreneble, ke futurista bildo estas tute malsimila je la „kutimaj“ bildoj ĉiutagaj. Fakte, oni vidas sur la tolo neklarigeblan amason da linioj sinsekvantaj, da ebenoj kunpenetriĝantaj, da ĥaosaj kunmiksaĵoj de homaj korppartoj kun pecoj de bestoj kaj de objektoj, tiamaniere, ke la prezentita objekto estas tute nerekonebla.

Mi citas la „klarigon“ al teorio futurista donitan de unu el la futuristaj pentristoj:

„Ni ne faras nur pentraĵon abstraktan kaj intelektan. Ni celas, krom tio, efektivigi plastike, per rafinita sentebleco, tion, kio ĝis nun estis konsiderita kiel senkorpa kaj nevidebla.“

Alia kuriozeco de l' pentrarto futurista estas, ke ĝi pretendas pentri la sonojn, la bruojn kaj eĉ la odorojn.

La originaleco estas atingita; la malamo al la bildo laŭmodela kaj pitoreska, la kuraĝa malŝato por la arto ornama, oportunista kaj profitcelanta ne povis esti pli efike esprimita, ol starigante arton kontraŭartan. Tio ne estas ofendo por la futuristoj, ĉar ili mem proklamas, ke ili agas kontraŭarte, samtempe certigante, ke ili agas laŭnature.

Pri la skulptarto kaj la muziko sufiĉos mencii, ke ambaŭ estas ankaŭ bazitaj sur revoluciemaj principoj, same kiel la pentrarto kaj la literaturo.

Por propagandi sukcesplene siajn doktrinojn noviĝemajn, la futuristoj aranĝis artajn ekspoziciojn en la ĉefaj eŭropaj landoj.

La publiko tamen faris malfavoran akcepton al la novaj ideoj. Surprizita kaj mirigita de tiuj novaĵoj, kiuj kontrastis abrupte kun ĝiaj praulaj tradicioj kaj renversegis tutsubite ĝiajn kutimojn longjarajn, la publiko akceptis la noviĝemulojn kun malamika mieno. La tuta propaganda aktiveco de l' futuristoj estas aro da pli malpli akraj disputoj, tumultoj, bataloj. Oni ne ŝparis al ili plej malagrablajn atakojn: oni ilin mokis, burleskigis, ofendis, insultis, minacis; eĉ, dum la paroladoj, oni ilin batis kaj superŝutis per ... ĵetaĵoj ĉiuspecaj!

La futuristoj ne malkuraĝiĝis; ili elportas malŝate la ridindecon kaj kontraŭstaras senŝanceliĝe al malamikeco de l' samtempuloj. Ili fidas je la estonto: kaj tio estas ilia virto.

La futurista afero progresas. Ili laboras senlace; multaj libroj, bildoj, pentraĵoj aperas senĉese; en Firenze, ilia gazeto „Lacerba“ disvastigas tra Italujo la ideojn plej ribelemajn kaj la alvokojn plej bruligantajn.

La verkoj de l' futuristoj komencas esti pridiskutataj: kaj tio estas signo de graveco. Ofte oni opinias ilin frenezuloj, sed ili kontraŭdiras, ke frenezo kaj genio estas parencaj. Ili estas akuzitaj je mezvaloro, sed ili reakuzas la kontraŭulojn je malspriteco.

Ĉu la futuristaj doktrinoj estas pravaj aŭ ne? — Certe, ne ĉio estas en ili kondamninda, kaj, post tiu ĉi mallonga pritraktado, mi lasas al la leganto mem la taskon prijuĝi, kie estas la bono, kie la malbono.

Inĝ. *Samblich* (Trieste).

 SOCIA VIVO 

## Nuntempa Maroko kaj ĝia evolucio

IV

Tiuj kelkaj ekzemploj rikoltitaj laŭ la hazardoj de vojaĝo povas liveri ideon pri la lando kaj ĝia politika stato.

La grandaj „kaidoj“ teorie submetataj al la sultano, havis ĝis nun la sendependecon kaj la militemajn kutimojn de la mezepokaj princoj; la loĝantaro, tre bone armita, estas ĉiam preta uzi la armilojn.

Oni do komprenas, kiel malfacila kaj danĝera estus politiko de rekta interveno. Oni antaŭ ĉio devas eviti la gravan eraron faritan en Alĝerio, nome malorganizi organizitan landon. Oni devas konservi, ĝin plibonigante, la politikan kaj socian konstitucion de tiu popolo. Cetere, la tiel rapidan pacigon de tiu regiono oni realigis dank'al la kunhelpo de la grandaj „kaidoj“. Plie, kiel gardostarantoj ĉe la intermontoj, ili, en la lastaj monatoj, povis bari la vojon al la malpacigaj elementoj agitiĝantaj en la Suss regiono, El Hiba kaj liaj partianoj, kaj tiel certigis la pacon al la tuta regiono kuŝanta norde de Atlaso; eĉ, lastatempe, laŭ ordono de la franca ĝeneral-reprezentanto, ili sukcese atakis ilin. Bedaŭrinde, pro siaj konstantaj jaluzoj, intrigemo kaj troaj ambicioj, tiuj utilegaj helpantoj estas malfacile direkteblaj. Oni ĉiam povas timi malfideliĝon, kiel oni jam konstatis lastan vintron.

Aliparte, por ke la loĝantaro ekŝatu la francan reĝimon, ĉu oni ne devas limigi la arbitron de tiuj grandaj ĉefoj, eviti iliajn autoritattrouzojn, kontraŭstari al la senhontaj rabadoj de kelkaj el ili, unuvorte enkonduki reformojn, kiuj estas justaj, sed kruele malutilos iliajn interesojn?

Tio estas tiom pli necesa, ke ofte la interesuloj mem kaŭzas la intervenon de la franca aŭtoritato pro malkonsento kun sia „kaido“, aŭ eĉ kun iu ajn alia indiĝeno. La oficiroj de la arabaj oficejoj konstante bezonas sin okupi pri privataj malkonsentoj, laŭ la peto de homoj, kiuj — ne malprave — malfidas je la indiĝena juĝopovo de la „kaidoj“. Kvankam la franca administra aŭtoritato ne povas anstataŭi la regulan juĝopovon, tamen ili malfacile povas malakcepti tiajn petojn sen antaŭa provo de akordigo.

Jen do, resume skizita, la medio, en kiu devas moviĝi la franca aŭtoritato kaj kiun devas koni ankaŭ la kolonianoj kaj komercistoj, se ili volas sukcesi. Krom en privilegiitaj regionoj, kiel Ĉauja kaj Gharb, oni ne povas kolonigi pogrande kiel en Tunizio.

Tamen, de nun, la Eŭropanoj, establiĝintaj en Marrakeĉ, konantaj la landon, eĉ iafoje vivantaj tute arabe, sciis sukcese labori. Asociiĝinte kun Marokanoj, ili estas brutposedantoj, ekspluatas arbarojn, konstruas domojn, serĉas minojn, aŭ farme prenas iajn impostojn. En la industria fako, kelkaj sagacaj Marokanoj iniciatis en Marrakeĉ la kreon de farunmuelejoj kun petrolmotoro. Certe estas loko por multaj similaj entreprenoj. Ni kredas, ke Maroko povas industriiĝi, kaj de nun certaj terkulturaj industrioj kun sukceso povus establiĝi, kiel en insulo Java, ĉe diversaj transitpunktoj, aŭ en la centro de la eŭropaj bienoj. Cetere ni devas noti, ke la manlaboristoj estas multnombraj kaj bonkvalitaj. El la dense loĝataj regionoj de Suss venas bonegaj laboristoj, kiuj iras al Marrakeĉ kaj el tie disiĝas en tutan Marokon. Kun la kreo de novaj komunikiloj, multaj novaj entreprenoj fariĝos eblaj. Sed ili ĉiam devos adaptiĝi al la bezonoj kaj kutimoj de la Marokanoj; por ilin taŭge direkti, la Europano bezonos longan iniciiĝon, kiu estas akirebla nur dank'al konstanta kunvivado en la indiĝenaj medioj. Tiu sama speciala kompetenteco estas ankaŭ necesa al ĉiuj oficistoj aŭ oficiroj okupotaj je la organizado aŭ administrado de tiu lando.

Kiel malfacila estas iafoje la politiko rilate al la indiĝenoj, ni jam montris. Malfacila ĝi estas eĉ en la ŝajne plej malgravaj detaloj: administra decido, simpla loka polic- aŭ higienregularo, povas naski gravajn malfacilaĵojn, se ĝi ne estis farita en harmonio kun la tieaj kredoj aŭ kutimoj.

Eniri en la detalojn, alporti kritikon, cetere malfacilan, de la eraroj faritaj, eĉ en la lasta tempo, ni ĉi tie ne volas; el kelkaj tiaj faktoj, ŝajnas rezulti, ke ankoraŭ mankas sufiĉe multnombra oficistaro speciale kompetenta pri la marokaj demandoj. Tamen, estas grupo de francaj oficiroj, kiuj konas la araban medion pro sia restado en Alĝerio. Dank'al ili oni povis reorganizi kiel helparmeon la malnovajn „taborojn“, kiuj, malgraŭ la malĝoja okazintaĵo de Fez, bone kondutis en la lastaj monatoj. Sed oni ne povis senigi la alĝeriajn regimentojn je iliaj oficiroj, kaj nuntempe Maroko bezonas multajn oficirojn, kiuj konas la Arabon, lian lingvon kaj liajn kutimojn; la tuta administrado estas, kaj sendube ankoraŭ longe, restos militista, krom en kelkaj tute pacigitaj distriktoj. Necese estas do, ke kompetentularo kiel eble plej baldaŭ formiĝu.

Notinte tion, ni volonte konfesas la meriton de la oficiraro de l'okupkorpuso kaj la grandan talenton de kelkaj ĉefoj, kiuj krom la soldataj ecoj havas ankaŭ sagacan prudentecon kaj la senton pri la necesaj realaĵoj, kiam ili devas ne nur batali, sed ankaŭ regi.

Kun tiaj homoj Francujo povas fidi je la estonteco. Certe, multo estas ankoraŭ farota; la vojaĝanto, kiu trapasas Marokon, estas frapata de la ankoraŭ tro multnombraj mankoj de la nuna administracio. Sed li devas ankaŭ kompreni, ke ĉio estas transformota aŭ kreota; je tio ageme laboras la ĝeneral-reprezentanto kaj lia kunularo.

Aliparte, la franca opinio estas iafoje malagrable impresata de informoj pri mortigaj bataloj. Sed ili okazas en montaj regionoj, kie la militista agado estos longa kaj malfacila. Kontraŭe, tio, kion ni diris, sufiĉis por montri, ke ĝenerala estas la pacigo en granda parto de Maroko, oni eĉ povas diri, en la tuta regiono, kiu etendiĝas de la Oceano ĝis la montoj.

Oni konsideru la progreson depost la tago, kiam generalo Lyautey, veninta en Fez post la mortigoj kaj la unua sieĝo, estis siavice enfermita kaj sieĝita. Malgraŭ bedaŭrindaj mankoj, la progreso plenumita de post lia alveno estas tre grava. Dank'al sia sperto pri la mahometanaj landoj, generalo Lyautey, kiel ĝeneral-reprezentanto, povis trafe direkti sian agadon kaj plie akiri realan personan influon je la arabaj ĉefoj. Li havas la konfidon de ĉiuj, kiuj scias, kiel necesa estas kompetentulo por efike agi en Maroko.

Laŭ *P. Duchesne-Fournet.*

Trad.[1] *A. R.*

---

## El taglibro pri la sieĝo de Skutari.

La edzino de l'aŭstria-hungara ĝeneralkonsulo, sinjorino *v. Zambauer,* kiu nun estas kun siaj infanoj en Wien, publikigas pri siaj travivaĵoj dum la sieĝo de Skutari sciigojn, kiuj konigas la teruran suferadon de la loĝantaro de la malfeliĉa urbo. La nomita sinjorino rakontas jene:

„La 12 marto komenciĝis la bombardado, dum kies sesdekkvar-hora senĉesa daŭro estas enjetitaj 3000 pafaĵoj en la kristanan kvartalon. Tio estis la plej nervostreĉiga, kion oni povas imagi! La plej grandaj bomboj, havantaj diametron de 21 centimetroj kaj altecon ĝis 90 centimetroj, plenigitaj per „Melinit“ radikale detruis, se ili precize trafis, la domojn. Ĉiukvaronhore ili fendis la aeron kun aŭtomata reguleco.

[1] El „*La Revue hebdomadaire*“ (Paris).

La Skutarianoj atendis tremante kun la horloĝoj en la manoj venontan kuglegon, maltrankvilege atendante, kion ĝi falonte pereigos. Kaj efektive la fatala fajfado estis sonanta ĉiusekunde precize, kaj bombo estis alfluganta. Nenio estis tiel ekscitiga kiel la kantado de la flugantaj pafajoj; ĉar kantante ili alportas la morton. La virinoj kaj la kompatindaj infanoj forgesis, ke ili malsatis; timeme ili atendis la venontan fajfadon.

Tiun ĉi tagon mi enskribis en mian taglibron, kiun mi registris depost la komenco de la milito: „Mi ne plu scias kion fari. La krimulo kondamnita al mortpuno estas sciigata almenaŭ nur 24 horojn antaŭe pri tio, kio lin atendas. Lia turmentiĝo daŭras nur unu tagon. Sed ni mortas ĉiuhore. La virinoj kaj infanoj, kiuj estis rifuĝintaj en la katedralo kaj tie ĉiunokte dense amasiĝintaj kaŭris, preĝis kaj ploris, baldaŭ estis ankaŭ senigotaj de ĉi tiu rifuĝejo. Ĉar iumatene komenciĝadis sistema pafado al la katedralo, kaj kiam la sakristio estis ekflamiĝinta kaj oni provis ĝin savi, alverŝiĝis kvaronhora ŝrapnel-pluvo al la sakristio, malhelpanta ĉiun savoprovon.

Vi ne povas imagi, kiom ni suferadis dum la lastaj du kaj duono monatoj. La 28 februaro, kiam la konsulejo ne plu estis garantiita, ni komencis fortikigi la kelon. Ni ĉirkaŭbaris ĝin per sablosakoj, kiujn ni kovris per tero de la flankoj kaj ankaŭ de supre, kaj ni starigis en la kelo mem apogtrabojn, por ke la sablosakoj ne traprenu la plafonon. Poste ni — mia edzo, vickonsulo v. Mayrhausen, miaj du infanoj kaj mi — malsupreniris en la kelon, kiu havas kvar metrojn laŭlonge, du metrojn laŭlarĝe kaj estas tiel malalta, ke mia edzo apenaŭ povis rekte stari. Ni vivadis du kaj duono monatojn en ĉi tiu malgranda kaverno.

La 28 februaro komenciĝis la lasta ĉapitro de la sepmonata sieĝo. Ĉi tiun tagon mi notis en mia taglibro: „Malsanaj, malgajaj, duonmortintaj, ni komencas la tagon por suferi denove. La rusa konsulo Miller kaj la franca konsulo Krajensky sciigis Essad Pascha'on, ke ili intencas absolute iamaniere forlasi la urbon. Kaj mia kompatinda edzo devas resti! Mi ankaŭ freneziĝos. Li intencas forsendi min kaj la infanojn kune kun la franca kaj la rusa konsuloj, kaj li kaj Macinelli (la itala konsulo) nepre volas persisti en siaj postenoj tiel longe, ĝis kiam ili ricevos de siaj registaroj precizajn ordonojn. Ĉar de kvar monatoj ni nek povas sendi sciigojn al niaj registaroj, nek ricevi tiajn. Dekkvarfoje ni sendis kun sciigoj virojn, al kiuj ni pagis la altegan sumon de 100 turkaj funtoj (2300 kronoj), kaj ni ne scias, kiuj sciigoj el ili atingis la ministraron. En regulaj intertempoj ni enjetis botelojn kun leteroj en la Bojana-riveron, esperante, ke ili atingos la maron kaj tie estos trovitaj de Lloyd-ŝipoj. Ne ekzistas en la mondhistorio situacio komparebla kun la nia, nek antaŭ Adrianoplo nek antaŭ Janina oni pafadis tiel kruele kaj sisteme al la kristanaj konstruaĵoj kiel nuntempe. De post kvin monatoj disigitaj de l'mondo ni estas nenion sciantaj pri nia registaro, nenion sciantaj pri nia patrujo kaj niaj parencoj, kaj povantaj nek sendi nek ricevi iun ajn sciigon. Bombarditaj, suferantaj la glacian malvarmon en la kelo, havantaj la respondecon pri la aŭstria-hungara kolonio, pri ĉiuj religiaj konstruaĵoj, pri ĉiuj homamaj institutoj, kiuj petegas ĉiutage kaj hore nian helpon".

Trad. *Hans Tressel*, Del., München.

# Al niaj Abonantoj

**Ni petas, ke ĉiuj abonantoj, kiuj estas informitaj de nia administracio pri finiĝo de sia abono, bonvolu kiel eble plej baldaŭ sendi sian reabonon por eviti al si interrompon en la ek pedado kaj al ni senutilajn klopodojn.**

**En la landoj, kie tio estas ebla, ni enkasigas la reabonojn per poŝtrepagoj. En Rusujo, S-ro SZABUNIEVICZ, Del., Moskvo, estas rajtigita de ni por sendi tiujn poŝtrepagojn.**

# La sep modernaj mirindaĵoj

IV

*VI. La spektra analizo*

Ne malpli mirinda ol la radiotelegrafio estas la spektroskopo[1]. Per la eterondoj ambaŭ iloj utilas por interkomunikado.

Kvankam ĝi ne estas tiel multe praktike uzata kiel la radiotelegrafio, la spektroskopo estas ankoraŭ pli admirinda: dum la radiotelegrafio simple ricevas la ondajn vibradojn kaj ilin transdonas senmodife, la spektroskopo havas la eksterordinaran povon kunigi en metoda ordo konfuzan amalgamon de lumondoj; ĝi konigas la principon de tiu lumo kaj montras, en kiaj kondiĉoj ĝi pasas antaŭ niaj okuloj.

Newton, la unua, studis la efikojn de la prismo je la lumradio; ne sole la radio ŝanĝas direkton, sed la prismo transformas tiun blankan lumon de la suno en superbelan ĉielarkon aŭ en kolorrubandon, kiun Newton nomis „spektro". La blanka lumo de la suno ne estas tia, kia ĝi aperas; ĝi estas komponaĵo de ĉiuj koloroj de l'ĉielarko. Unu jarcenton kaj duono poste, Frauenhofer eltrovis, ke, je neregulaj interspacoj estas en la sunspektro larĝaj banderoloj de malsamaj grandoj, de tiam nomataj Frauenhofer'aj banderoloj. Li la unua difinis ekzakte ilian pozicion.

Ĉirkaŭ duonjarcenton poste, Kirchhoff sukcesis demonstri, ke en la sunspektro ĉefe gravaj estis ilia nombro kaj intenseco, sed pli speciale ilia pozicio, tiel ke se substanco en formo de vaporo produktas lumon, ĝia ĉeesto povus certege esti rekonata per ĝiaj spektraj linioj. Alia rimarkinda fakto estas, ke tiel malgrandegaj eroj de elementaj materioj povas esti eltrovataj: kvindekmilono de miligramo de kalcio, kaj eĉ la dekkvarmiliono de miligramo de sodio retroviĝas en la malkompono de la flamo de Bunsen, en kiu oni ilin volatiligis. Bunsen kaj Kirchhoff ambaŭ elmetis la principon, ke ne grave estas, ĉu la lumo ekzamenata per la spektroskopo senpere elvenas de gaso inkandeska aŭ ĉu, devenanta el ia alia fonto, ĝi simple pasas tra la gaso. La karakterizaj linioj estos ekzakte samaj en la sunspektro. Dank'al tiu granda eltrovaĵo la spektra analizo fariĝis scienco.

La spektroskopo estas delikatega kaj samtempe tre potenca aparato por la esploroj en ĥemio, biologio, meteorologio, fiziko kaj astronomio. Multaj novaj ĥemiaj elementoj estis eltrovitaj dank'al Ramsay. La vibraj movoj de la molekuloj kaj ĉio, kio koncernas la eterajn lumondojn, estis la temo de longaj studoj. Por la studo de la organika ĥemio, la spektroskopo estis tre utila. Je la industria vidpunkto ĝi ankaŭ havas gravajn profitojn kaj ebligis la enkondukon de gravaj ŝanĝoj en la ŝtalfabrikado.

Sed plej ŝatita profito de la spektroskopo konsistas en tio, ke ĝi pli proksimigas nin al la steloj kaj montras al ni, el kio ili konsistas. Kvankam ili estas malproksimegaj de ni, ni tamen scias kun absoluta certeco, kiaj elementoj estas la fonto de ilia lumo.

Sir William Higgins la unua rimarkis, ke pli aŭ malpli granda distanco de la lumfonto kaŭzis nenian diferencon en la konsisto de l'spektro. Ĉiuj fiksaj steloj estas korpoj kun ekstreme alta temperaturo; kiel nia suno ili projekcias lumon. Ĉe ili retroviĝas tiuj samaj elementoj kaj materioj kiel sur nia terglobo. Oni povis difini la ekzaktan temperaturon de multaj steloj same kiel por nia suno. Dank'al la spektroskopo oni povis kalkuli la aĝon de la steloj kaj la fizikan konsiston de la nebulozoj

[1] Traduko de artikolo de S-ro David Todd, profesoro de astronomio ĉe la kolegio de Amherst (Usono).

Alia fundamenta principo, eltrovita de Dopple, estas ankoraŭ pli interesa; li konstatis, ke malproksimiĝante de ni la spektraj linioj de radianta korpo direktiĝas al la ruĝo en la spektroskopo; proksimiĝante al ni, ili direktiĝas al la violkoloro. La studo de tiu principo kondukis al pli ampleksaj esploroj pri la radio-aktiveco. Ĉar ambaŭ partoj de duobla stelo moviĝas periode foriĝante aŭ proksimiĝante de ni, ni scias laŭ iliaj duoblaj spektraj linioj, kiom da tempo ili bezonas por rondiri ĉirkaŭ si mem. Ĉar la spektroskopo montras al ni, ke la steloj en la najbareco de Sirio foriĝas de la suno, dum la steloj en la kontraŭa regiono de l'ĉielo, apud la stelaro Liro proksimiĝas al ni, ni povas difini la direkton de la vojo trapasita en la interstelaj spacoj de la suno kaj de la planedoj; ni scias, ke la rapideco de tiu movo estas ĉirkaŭe 12 mejloj po sekundo. Ĉar en sia jara rondiro ĉirkaŭ la suno, nia terglobo je certa sezono direktiĝas al certa stelo, kaj ses monatojn poste laŭ absolute kontraŭa direkto, la spektroskopo difinis la iradon de tiu movo kaj liveras la ekzaktan dimension de l'orbito, tiel ke ni povas kalkuli la distancon de la suno.

La spektroskopo do estis vera revolucio en astronomio. Dank'al ĝi, la universo estis pli bone konita de ni, ĝi malkaŝis al ni, ke la plej malproksimegaj spacoj konsistas el elementoj ekzakte samaj kiel tiuj de nia terglobo. Ni esperas, ke la spektroskopo iam montros al ni la solvon de la plej granda el ĉiuj problemoj de la kosma ordo, nome la origino kaj la distribuo de tiuj milionoj de steloj dissemitaj tra la ĉiela spaco.

---

# ✡ NOTOJ ✡

∴ **La Svata Manĝeto en Ecaussines.** — Dubeble estas, ke mia internacia legantaro konas Ecaussines aŭ eĉ aŭdis ĝian nomon. Ĝi estas beleta urbeto en la franclingva parto de Belglando, kies ĉefa industrio estas la ŝtonekspluatado. Je la turista vidpunkto ĝi estas sufiĉe interesa loko. Ĝia malnova kastelo nun posedata de la nobela familio d'Arenberg enhavas, interalie, du antikvajn skulptitajn kamenojn, kies unu prezentas Adam kaj Eva en la Paradizo. La vizito de la ŝtonminoj estas tre interesa. La preĝejo enhavas mezepokajn tombojn, kiujn ne preterpasas la scivolemulo. En la ĉirkaŭaĵoj estas pentrindaj lokoj nomitaj „Rokaĵoj de la Belaj Sinjorinoj" kaj la „Truo de la Feinoj".

Sed mi tion ne priskribos, ĉar mi verkis tiun artikoleton nur por konigi al vi originalan feston okazantan ĉiujare la lundon de Pentekosto en tiu interesa urbeto. En 1903, sesdek ticaj junulinoj konstatante la malŝaton de siaj samurbanoj pri la geedziĝo, decidis, spite la publika antaŭjuĝo kaj moko, la fondiĝon de Asocio celanta la organizadon de porinterkonatiĝa manĝeto, ĉe kiu estis invitataj la fraŭloj de la tutmondo. Afiŝoj kaj ĉefe multnombraj gazetartikoloj havigis al la unua manĝeto grandegan aron da edziĝemuloj kaj scivolemuloj, ne nur el Belglando, sed ankaŭ el Franclando, Nederlando, Germanlando ktp. Pro la sukcesa rezultato, la Asocio daŭrigis ĉiujare la organizadon de samspeca festo, kaj tiun jaron jam la 12a fojo okazos tiu sensacia kunveno.

Elverŝataj de ĉiuj vagonaroj, la ĉiuaĝaj fraŭloj estas akceptataj en la Urbdomo, de F-ino Prezidantino de la Asocio kaj post subskribo en la „Ora Libro" ili vizitas la urbajn vidindaĵojn atendante la komencon de la festo.

Por inde akcepti la vizitantojn la tuta urbo sin beligis. Flagoj, floroj, paperaj girlandoj ornamas la stratojn, diversloke trairatajn de tolaj surskribaĵoj, sur kiuj oni skribis ekzemple „Bonvenon" inter du paroj da kolomboj kunbekiĝantaj. Sur alia estas skribita jena stranga frazo: „Ne suĉante sian dikfingron oni trovas edzinon". Tio signifas: edzinon vi ne trovos, se vi pri tio ne okupiĝas. Posttagmeze post pulveksplodigoj, kiujn oni nomas en Valonlando „campes", okazas procesio de la poredziĝaj kandidatoj, la akcepto de la komitato, la prezentadoj, baldaŭ sekvataj de la fama manĝeto.

Granda tablo estas starigita meze de la placo. Sur ĝi estas multnombraj tasoj ornamitaj per ĉiuspecaj ornamaĵoj kaj plej diversaj virinaj nomoj. La tablotuko estas papera. Roto da servistoj kun telertuko sur la ŝultro preparas la manĝilaron. Baldaŭ la junulinoj, kompreneble, tiuokaze plej elegante vestitaj, kun artoplene aranĝita hararo, akompanataj de siaj gastoj, sidas premegataj ambaŭflanke de la tablo. Rapide la kafo estas verŝata en la tasojn, kaj la kelneroj alportas „mastelles" t. e. speciala regiona kukaĵo. La amindumantaj gejunuloj manĝas bonapetite. Post la manĝo, la prezidantino per emociita voĉo legas longan paroladon, en kiu ŝi laŭdegas la „noblegan edzecan amon". La prezidanto de iu el la ĉeestantaj junulaj societoj dankas ŝin kaj fine, unu el la ĉarmaj Ecaussines' aninoj donacas al li bukedon, kiun li akceptas ne malpli emociite. Koncertoj, subĉiela balo, longvicaj kaj laŭrondaj dancoj donas okazon al la ekenamiĝantoj, interparoladi ĝis la vespero. Tiam, en la elektre lumigita urbo rapidegas la galopada danco de la „kontraŭstarantaj fraŭloj" kiel ilin nomas la programo dum fianĉaj kisoj interŝanĝiĝas en la ombro. Kvankam tiu festo ŝajnas iom ŝerca, la statistiko pruvis, ke ĝi atingis sian celon. Antaŭ 1903 okazis en Ecaussines nur ĉirkaŭ 10 geedziĝoj ĉiujare. Jen la nombro en la postaj jaroj: 1903 14, 1904 17, 1905 7 (pro la malbona vetero la tagon de la festo), 1906 22, 1907 24, 1908 24, 1909 22, 1910 20, 1911 18, 1912 21.

Fakte oni povas konstati la duobliĝon de la geedziĝa nombro post la starigo de tiu festo. Oni ne miros pri tio, ĉar oni jam povis kalkuli 15.000 ĉeestantojn ĉe tiu festo nepre originala kaj kurioza [1]. — *R. Richez.*

∴ **Ekspozicio de la pedagogia gazetaro tutmonda.** — La unuan fojon tia ekspozicio estas okazonta en la fako „lernejo kaj libroindustrio" de la Internacia Ekspozicio de libroindustrio kaj grafiko en Leipzig. Pripensante, ke sole en germana lingvo eldoniĝas proksimume 450 pedagogiaj gazetoj kaj ĵurnaloj plej diversspecaj, oni certe povas esperi, ke, se partoprenos ĉiuj nacioj, tre interesa kaj instrua entrepreno prezentiĝos. Por konsideri ankaŭ la historian vidpunkton, karakterizaj ekzemploj el la evolucio de la pedagogia gazetaro, ĉu originaloj, ĉu reproduktaĵoj, estas elmetotaj. Oni klopodos ekspozi numerojn, kiuj enhavas historie gravajn artikolojn aŭ paroladojn de eminentaj pedagogoj de l'estinteco. Detale oni per apartaj grupigoj montros la intensan multspeciĝon de la pedagogia gazetaro: ĵurnaloj, kiuj speciale servas al virina instruado, propagandas la ideon de l'„laborinstruado", celas iun apartan fakon de l'instruado ktp., estos kunmetataj. La pedagogia gazetaro negermana estos ordigita laŭ landoj. Per tabeloj kaj desegnaĵoj, oni provos montri statistikon pri nombro, grupigo, disvastiĝo, evolucio ktp. de la pedagogia gazetaro. Fine estos ekspozata la literaturo, kiu sin okupas pri la pedagogia gazetaro, ĉu laŭ historia aŭ bibliografia vidpunkto, ĉu alimaniere. Kunlaborado, alsendo de ekzempleroj kaj de alia materialo, precipe informoj pri eksterlandaj pedagogiaj ĵurnaloj, rilate iliajn titolon kaj eldonejon estas insiste petataj. Pri la aranĝo de la supre citita fako de l'ekspozicio estas komisiita instruisto kaj redaktoro *Max Döring* (Uhlandstr. 29/II, *Leipzig*).

∴ **Policaninoj.** — De la 1 januaro New-York posedas la unuajn policaninojn, kies tasko estas zorgi pri la senriskeco de siaj samurbanoj. Komence, ili estas nur tri virinoj, sed, se la publiko ŝajnos kontenta pri tiu iniciato, novaj policaninaj oficoj estos kreataj. — *M. G.*

[1] Mi ŝuldas kelkajn sciigojn bezonitajn por tiu artikolo al S-ro Marcel Tricot, el Ecaussines, kiun mi treege dankas pri tio. Se tiu artikolo estus okaze tradukita nacilingven oni bonvolu sendi ekzempleron al li por lia kolekto. — *R. R.*

# TRA LA ESPERANTA LITERATURO

D-ro *Wilhelm Winsch.* — **Pri varmokulturo.** — Eldonejo Ader & Borel, Dresden. — Prezo: Fr. 1.50 (Sm. 0.60).

Laŭ teorio de D-ro Winsch — kiun cetere la geologoj kaj biologoj ŝajnas pravigi — ni, la homoj, estas sunidoj, nia raso aperis en la tero, kiam ĝi estis ankoraŭ paradizo kaj estis karakterizata de pli granda kvanto da varmo. En la sekvanta pli malvarma epoko kaj en la nekutima klimato de la modera zono, la homo ĉiam sentis mankon de varmo, kiun li penis arte anstataŭigi per varmokulturo: per pli malpli perfektaj rifuĝejoj, per varma kuŝejo, per la fajro, kies kulto estas eĉ en la hodiaŭa tempo sentebla inter ni, ne nur inter sovaĝuloj kaj barbaroj. Kaj prave, ĉar la provizo de varmo pro tre diversaj kaŭzoj eĉ hodiaŭ ne estas kontentiga kaj multe da sanecaj kaj kulturaj mizeroj devenas de tio.

La homoj sentas tiun bezonon de la varmo: ili varme sin vestas, ili hejtas sian loĝejon, sian korpon eĉ per specialaj varmigaj trinkaĵoj kaj manĝajoj — tamen ili ne trafis la bonan rimedon, kaj malsano de multaj, tre multaj homoj, speciale iliaj kronikaj malsanoj esence estas nur daŭra manko de sufiĉa varmo — ĉar ili ne atentas, ke la bona karbo sole ne estas sufiĉa por la hejtado, al tiu estas necesaj ankaŭ bona forno kaj bona kamentubo kaj foresto de fulgo, t. e. bona asimilado, oportuna vivo kaj pura organismo.

La homa korpo — estas sciate — povas funkcii bone nur tiam, se ĝi havas specifikan varmogradon, kiun la korpo aŭtomate reguligas kaj nutras per la digestitaj nutraĵoj. Se mankas la necesa varmokvanto, la funkciado de la organoj ne estas perfekta, la fulgo ĉie enrestas — la nesufiĉe oksiditaj restaĵoj de la asimilado — kaj la homo suferas en kronika manko de varmo konsumanta sin mem. Tipaj ekzemploj estas la anemiuloj kaj klorozuloj. Ne nur la kvanto de la nutraĵoj povas do naski varmo-mankon; eĉ malsaĝe ni faras, se ni pliigas nian manĝadon, tio nur malhelpas la bonan oksidigon de la nutraĵoj, vane ni konsumas ekscitilojn, ekz. alkoholon, tiu nur trompas nin per subjektiva sento de varmo, kaj konsumas nian korpon mem, eĉ la aŭtoro serioze avertas nin kontraŭ konsumo de viando, kiu mem estas simila trompilo, kiel alkoholo, kaj krom tio malpurigas nian organismon.

Ni, la sunidoj, bezonas ankaŭ de ekstere ricevi varmon, kaj plej natura rimedo estas senpere ricevi ĝin de la suno, per sunbanoj, kiuj efike travarmigas nian korpon, restarigas la nepre necesan bonan funkciadon kaj porozecon de la haŭto, favore influas la asimiladon: do helpas nin al fortika sano eĉ al kuraciĝo el kronikaj malsanoj. Sed bedaŭrinde tio ne sufiĉas, ni ne havas sufiĉe da sunbrilo, ni estas jam de longe ekzilitaj el la paradizo. Ni do artefarite devas zorgi pri tio: ni devas varme kuŝi en nia lito — vera nesto de varmokulturo — ni devas facile kaj sane nutri nin, laŭ la aŭtoro nepre vegetare, por ne malhelpi la bonan asimiladon, kaj uzi kiel eble plej ofte la varmajn eĉ varmegajn banojn.

Li citas serion de ekzemploj, ke ĉe ĉiuj altaj kulturpopoloj estis intensiva varmokulturo, kiel nepro bazo de la spirita kulturo. Li citas la Grekojn kaj Romanojn, kies banej-sistemon eĉ hodiaŭ ni admiras; li citas la Japanojn, kiuj per sia preskaŭ 1000-jara vegetara nutrado kaj ĉiutaga uzo de varmaj banoj estas unu el la plej kulturkapablaj kaj plej sanaj popoloj; li citas la Pragermanojn kaj la Rusojn: ni povas aldoni la Finnojn, de kiuj ankaŭ la Rusoj ricevis sian varmbanej-sistemon, la Anglojn, kiuj instruis plej nove al la Eŭropanoj la kutimon de la varmbanado. La aŭtoro instigas nin sekvi tiujn ekzemplojn kaj tio helpos nin al pli alta kaj pli feliĉa kulturo.

Tre gravaj sociaj malsanoj forîgos tiel. Pli efika rimedo kontraŭ alkoholismo estas la varmokulturo: vintraj varmigejoj precipe por senmonuloj, bonaj, se eble senkostaj, aŭ kelkspezaj popolbanejoj kun varma akvo. La sento de varmo-manko nun instigas la mizerulojn al alkoholtrinkado, eĉ la korpe ne laborantajn, malbonsangajn bonstatulojn al viandmanĝado, kiuj donas al ili subjektivan senton de varmeco kaj kaŝas la konstantan varmodeficiton. Per kulturo de varmo foriĝas la bezono de tiuj ekscitiloj, kaj la homoj kontentiĝos je tute pura kaj simpla manĝado. Sen varmaj banoj vegetarismo laŭ li estas nur duonrimedo, kaj li rekomendas al ĉiuj vegetaranoj, por fariĝi bona reklamo de sia vivmaniero, kompletigi ĝin per varmokulturo.

Kiel praktika kaj pro liaj bonaj kuracrezultatoj fame konata kuracisto, la aŭtoro eĉ asertas, ke kontraŭ preskaŭ ĉiuj malsanoj ankoraŭ kuraceblaj plej efikas la varmo, en formo de sunbanoj, elektraj lum- kaj varmbanoj, varmegaj lokaj kompresoj kaj speciale la varmaj partaj kaj tutaj akvobanoj kune kun la kompletigaj malvarmaj aer- kaj akvobanoj, aŭ aliaj rimedoj: laste sed ne plej malgrave per simpla, laŭeble kruda, vegetara nutrado.

La tuta libro estas tre interesa, sugestas la pravecon de la aŭtoro, bone klarigas kaj sistemigas niajn tre diversajn kaj disajn spertojn kaj konvinkiĝojn pri tiu idearo. Se eĉ ne ĉie ĝi povas nin plene konvinki, ĝi devigas nin al konsiderado de la faktoj donitaj. Mi esperas, ke la libro de D-ro Winsch forte antaŭenpuŝos vegetarismon kaj per tio feliĉon kaj kulturon de la homoj; ni devas esti speciale dankaj al la tradukinto kaj eldonistoj, ke ili riĉigis per tiel valora kaj bela libro la Esperanto-literaturon. Kelkaj negravaj stilaj kaj gramatikaj mankoj tute ne estas citindaj rilate al la ecoj de la libro. *R. Rajci* (Budapest).

* * *

**Esperantista kantaro,** tekstaro (2a eldono reviziita kaj pligrandigita). Germana Esperanto-Librejo, Leipzig. Prezo (broŝ.): Sm. 0.25.

La muzika eldono aperis en aŭtuno 1913. Prezo: Sm. 0.50

La unua eldono de la kantaro ricevis multajn aprobojn, kiuj instigis la eldonistojn prezenti duan eldonon kun pliriĉigita enhavo. „Por atingi tion, estis necese iom ŝanĝi la ĝisnunan elekton, forstrekante kelkajn ne sufiĉe konatajn kantojn kaj anstataŭante ilin per pli konataj kaj pli belaj, precipe bonkanteblaj."

La kantaro dividiĝas je tri partoj: Esperantaj kantoj (La Espero, La Verda Stelo, Patrujo nia), germanaj kantoj kaj diversnaciaj kantoj. La tradukintoj estas L. E. Meier, Ferdinand Pfeil, O. Sellin, Leopold Elb, Thiel, Ad. Ŝefer, Rud. Dostal, H. Krestanov, J. Wulff, Pujula y Vallès, Nella Boon, Cl. Bicknell. Tiuj konataj nomoj sufiĉe garantias, ke la tradukoj estas lertaj kaj bonstilaj.

„Estu la kantaro same bone akceptota de la samideanaro kiel la unua eldono! Kantante ni lernu kaj disvastigu nian karan lingvon Esperanto (p. 4)!"

* * *

**La Radio kaj La Sago,** propagandaj gazetoj en rusa lingvo. — Georg Davidov, Rusujo, Saratov, Poŝtkesto № 12.

* * *

*L. N. Tolstoj.* — **La vojo de l' vivo,** ĉapitro XXII. La vorto. Tradukis *P. Medem.* — Eldono de Kovna Esperantista Societo, Kovno, Ruslando. — Prezo Fr. 0.25 (Sm. 10).

La pensoj entenataj en tiu ĉi verketo apartenas al la plej diversaj aŭtoroj, komencante de bramana, konfuciana kaj buddista literaturo, ĝis la Evangelio, la Epistoloj kaj multegaj antikvaj kaj novaj pensemuloj. Sed „la plimulto de tiuj ĉi pensoj, diras la aŭtoro, kiel dum la tradukado, tiel dum la refarado, submetiĝis al tia ŝanĝo, ke mi trovas neeble subskribi ilin per la nomoj de aŭtoroj." La traduko estas korekta, sed bedaŭrinde entenans kelkajn preserarojn.

*Vertido.*

# Bileto de blankbarbulo

## Georgo Dandin

*Dum la Pariza Kongreso oni ludos la faman komedion de Molière:* Georgo Dandin, *tradukitan de D-ro Zamenhof.*

*La motivoj de tiu ĉi elekto estis ĉe la Organiza Komitato: unue, ke ŝajnis konvene, ke en Francujo oni ludu francan verkon de franca dramverkisto, plej glora inter ĉiuj; due, ke la tradukinto estas la aŭtoro mem de nia lingvo; trie, ke la komedio de Molière ne postulas tro multnombran personaron.*

*Oni scias, aliparte, ke la aktoroj estos tiuj ĉi samaj, kiujn la Esperantistoj jam aplaŭdis dum la Barcelona Kongreso.*

*En Aprila kajero de* Lingvo Internacia *aperis grava kaj tre interesa studo pri* Georgo Dandin, *verkita de Prof. Henri Chantavoine kaj lerte tradukita, kun permeso de l'aŭtoro, de Ned Katryn.*

*Tial ke mi ne povas imagi, ke sincera Esperantisto, Esperantisto konscia pri siaj samideanaj devoj — kiel estas ĉiuj legantoj de nia kara* Esperanto *— ne subtenas per sia abono nian plej malnovan kaj inter ĉiuj plej fidelan revuon:* Lingvo Internacia, *mi ne dubas, ke ĉiuj jam ŝatis la altvaloran artikolon de Chantavoine kaj, pri sama temo, mi preferas hodiaŭ citi alian juĝon, eble pli severan sed tre meditindan, de unu el la majstroj de nia franca literaturhistorio, Prof. Alexandre Vinet (1797—1847).*

*„Nenio, en unu senco — skribas Vinet — pli konvinka ol* Georgo Dandin, *kaj samtempe kaj pro tio mem nenio pli kruela kaj pli korpremanta. Kiel do! ni estas antaŭ tio, kio estas plej sankta kaj plej bona el la homaj aferoj, antaŭ la familio, fundamento de la ŝtato, de la societo, de la feliĉo de ĉiuj; kaj per kiaj koloroj tiu ĉi bildo estas al ni prezentata? Kia restadejo estas tiu ĉi hejmo, kie la plej sanktaj devoj estas piedpremataj, kie la homo plej malfeliĉa ne trovas ĉe la aliaj unu solan kompateman movon, kie neniu bonulo venas ripozigi la vidon? Kaj tiu ĉi hejmo estas en kelka maniero la nia; ĝi estas la hejmo de unu el niaj samuloj; simila vivado ne estas ekster la vero; ni povis, ni povas ĝin renkonti pli ol unu fojon; kaj la genio de l'aŭtoro devigas nin ridi pri tiu ĉi bedaŭrinda situacio."*

*„Nenie Molière montris pli da objektiveco, nenie pli larĝe disvolviĝis tiu ĉi indiferentismo, pri kiu ni atentigis, kiel konsistiganta parto de la naturo de l'artisto! Sendube la vereco de la pentrado estas servata de tiu ĉi logiko de la genio, kiu, alligita sole al sia objekto, iras al la celo, ne zorgante pri bono aŭ malbono. — Sed kio do iĝas la homo en la aŭtoro?"*

*„Cetere la unueco de intenco estas forte markita en* Georgo Dandin. *Ĉio kunagas al la ĉefa efekto, malgraŭ la diverseco de la personoj kaj de la ridindaĵoj. Flanke de la ridindeco tiel profunde malgaja de la situacio de Dandin, kia vervo, kia forteco, kia ebrieco de gajeco, kia forlogaĵo de komikeco en la pentrado de la mankoj de la kampara nobelaro! Kiel Molière premas sian kaptaĵon, kiel li ĝin disŝiras, kiel la fajrero ŝprucas sub la premado! Vidu do la scenon inter gesinjoroj de Sotenville kaj ilia bofilo (I., 4)."*

*Jes, vere, kiel skribas Prof. Chantavoine, tiu ĉi spektaklo naskas la ridon, sed post la rido la pripenson.*

*Tia komedio estas do, ne nur pro la famo de l'aŭtoro kaj de l'tradukinto, sed pro ĝiaj propraj meritoj, tute inda je nia Pariza Kongreso.* Th. Cart.

# KRONIKO

Ni rememorigas, ke por la redakto de tiu rubriko ni bezonas la kunlaboradon de ĉiuj legantoj, speciale de ĉiuj Delegitoj de UEA. Ni plezure enpresos ĉiujn *freŝajn* informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, ktp. Oni bonvolu skribi koncize kaj tre legeble. Por esti enpresataj en la plej proksima N-ro, ĉiuj komunikaĵoj devas esti ricevataj de ni *antaŭ la 10a kaj 25a de ĉiu monato. Pri malnovaj faktoj ni ne raportas.* *La redakcio.*

## Aŭstrio-Hungario.

*Beroun:* La 19 marto S-ro Ŝlido, redaktoro de „La Kulturo" faris propagandan paroladon antaŭ 250 personoj. La 1 aprilo malfermiĝis du kursoj kun entute 470 anoj sub gvidado de S-roj A. Raz, Del., kaj F. Kraus. Propaganda ekspozicio estas en preparo. — *Eperjes:* S-ro D-ro Austerlitz, Del. gvidas kurson kun anoj. Grupo estas fondota. — *Klosterneuburg:* En la kazerno por pioniroj S-ro Jung gvidas kurson por 18 suboficiroj. — *Kornenburg:* En marto fondiĝis Esp. grupo kun 32 anoj. — *Nowy Sacz:* Post sukcesa parolado de S-ro Peksa malfermiĝis du kursoj kun 15 anoj. — *Praha:* Post finiĝo de la vintra kurso estis en kancelario de B. U. E. malfermitaj du novaj de S-roj Prochazka kaj Ed. Kühnl. Ĉiuvendrede kunvenas la membroj por pritrakti elektitan temon en Esperanto. — *Wien:* Unua Esp. Unuiĝo aranĝis grandan loterion kun brila sukceso.

## Belgujo.

*Bruselo:* Malfermiĝis kurso kun 14 anoj gvidata de S-ro Drussens.

## Britujo.

*Huddersfield:* Ĉe la nova preĝejo okazis speciala diservo en Esp. — *Norwich:* Tre sukcesa propaganda kunveno okazis ĉe la loka Debata Societo kaj baldaŭ malfermiĝos kurso, por kiu sin anoncis jam 20 anoj. — *Plymouth:* S-ro Yelland faris propagandan paroladon.

## Francujo.

*Montbéliard:* La 19 aprilo la grupoj de Audincourt, Montbéliard kaj Valentigney aranĝis koncertvesperon kun komedieto. — *Paris:* La laboristaj Esp. francaj grupoj federiĝis en Esp. Laborista Franca Unio. La gazeto „Le Travailleur Espérantiste" estos ĝia oficiala organo.

## Germanujo.

*Bitterfeld:* La jara ĉefkunveno okazis la 7 aprilo. La ĝisnuna estraro estas reelektita. Diversaj raportoj montris kontentigan staton de la grupo. — *Bromberg:* Kurson gvidas S-ro Szymanowski. — *Delitzsch:* Nova kurso sub gvidado de S-ro Schmiedeberg. — *Hamburg:* La Ligotago de la Nordalbinga Ligo de G. E. A. okazos en Hamburg kaj Blankenese la 21 majo. — *Königsberg.* Kurso komenciĝis. — *Plauen i. V.:* Fondiĝis laborista grupo.

## Hispanujo.

*Barcelona:* Malfermiĝis speciala kurso por la Ruĝa-Krucanoj sub gvidado de S-ro Gorgnes.

## Italujo.

*Bologna:* S-ro P-ro Nanni faris paroladon en la Instituto Guiniĉelli. — *Modica:* Kurso estas gvidata de S-ro P-ro P. Favacchio. — *Piacenza:* S-ro P-ro Carolfi faris du propagandajn paroladojn; kurso kun preskaŭ 50 anoj malfermiĝis. — *Terni:* Kurso estas gvidata de F-ino Caporali. — *Torre Pellice:* La kurso gvidata de S-ro A. Vinal baldaŭ finiĝos.

## Nederlando.

*Amsterdam:* Estas fondita Neŭtrala Bontemplana Esp. Klubo „Ĉiam Antaŭen" kun 11 anoj. — *'s-Gravenhage:* Dum la kunveno de la 27 aprilo S-ro Pothast faris paroladon pri Internacia Bibliografio.

## Rusujo.

*Kovno:* Ĉe la ĝenerala kunveno de K. E. S., S-ro Nedoŝwin faris raporton pri la nuna stato de nia movado en Eŭropo kaj Rusujo. Li interalie atentigis la favoran rilaton al nia afero de la rusa registaro. — *Kutais:* S-ro generalo A. Andrejev, el Tiflis, faris du paroladojn en vira kaj virina gimnazioj; ili vekis grandan entuziasmon inter la multnombra ĉeestantaro kaj multaj komencis la studadon de Esperanto. — *Tomsk:* Novaj kursoj malfermiĝis sub gvidado de S-roj Orlof kaj Multanovskij.

## Svedujo.

*Malmö:* Klubo estis refondita. En la publika kurso partoprenas 26 personoj kaj en la kurso por bontamplanoj 12. Krom tio la gvidanto de tiuj kursoj, S-ro Pettersson instruas 27 knabinojn el la popollernejo.

## Nord-Ameriko.

*New York:* Parolado de S-ro P-ro A. Christen pri Esperanto

## Azio.

*Ashabad:* S-ro N. Starosjelskij, Del., faris propagandan paroladon en la fervojista klubo; ĉeestis pli ol 100 personoj. La 12 marto komenciĝis novaj kursoj. — *Pekin:* En la ejo de la Y. M. C. A. fondiĝis Esp. klubo por soldatoj. La kunvenoj okazas ĉiudimanĉe posttagmeze.

# ESPERANTO-KONGRESOJ

### Belga Esperantista Kongreso.

La 6a Belga Esperantista Kongreso okazos en Mechelen (Malines) la 31 majo — 1 junio 1914. La kosto de la kongreskarto estas 1 franko; ĝi rajtigas ĉeesti la vesperfesteton, la ekskurson, ktp.

Ĉiujn komunikajojn oni adresu al la sekretario de l' Organiza Komitato, S-ro Jan Van de Velde, 28 Geitenstr., Mechelen (Malines).

### Tria Tutruslanda Kongreso.

Formiĝis Organiza Komitato por aranĝo de Tria Tutruslanda Kongreso en Moskvo. En la Komitaton eniris Profesoro de Moskva Universitato R. F. Brandt, Profesoro de Superaj Virinaj Kursoj I. I. Jegalkin, profesora helpanto A. I. Pudovkin, Advokato O. S. Anisimov. La Komitato jam posedas kapitalon de 500 rubloj. Oni intencas aranĝi la kongreson en decembro. La preparaj laboroj jam komenciĝis.

# DEKA KONGRESO DE ESPERANTO

### Parizo, 2-10 aŭgusto 1914

**Postkongresaj ekskursoj.** — Por aliĝoj aŭ informoj, oni sin turnu al la: *Organiza Komitato de la Deka Kongreso, 3, Place Jussieu, Paris.*

* * *

Post la Kongreso kaj septaga restado en Parizo, havinte la plezuron konatiĝi kun la ĉefurbo, niaj samideanoj ne volos foriri de Francujo sen vizitado al kelkaj el ĝiaj plej belaj regionoj.

Tial, la provincaj Esperanto-grupoj, sub la aŭspicioj de UEA, organizos ekskursojn je malkaregaj prezoj.

**Jen la resuma programo de tiuj ekskursoj:**

*A. Touraine.*

Ekskurso al la bordoj de Loire kun la helpo de la Centrokcidenta Federacio kaj sub la aŭspicioj de UEA.

**1. Dutaga ekskurso.**

*Lundo 10 aŭgusto.* — Foriro Paris-Austerlitz je 7 h. 22. Alveno en Orléans 9 h. 20. Vizito de Orléans per specialaj tramveturiloj. Tagmanĝo 11 h. 30; foriro Orléans 12 h. 30; alveno Blois 13 h. 52. La veturiloj atendos la ekskursanojn ĉe la stacidomo.

Vizito de la kastelo de Blois 14 h. 15—15 h. 15. Foriro per veturiloj al Chambord. Vizito de la kastelo de Chambord. Reveno al Blois. Vespermanĝo, vespero kaj nokto en Blois.

*Mardo 11 aŭgusto.* — Foriro per tramveturiloj al Amboise. Vizito de la kastelo de Amboise; foriro 11 h. 18; alveno Tours 11 h. 51. Tagmanĝo 12 h. 30; foriro 14 h. 34; alveno Langeais 15 h. 17. Vizito de kastelo de Langeais; foriro 17 h. 24; alveno Tours 18 h. 8. Promenado en Tours. Vespermanĝo 19 h. 30. Vespero kaj nokto en Tours.

*Merkredo 12 aŭgusto.* — Foriro de Tours 5 h. 30; alveno Paris-Austerlitz 10 h. 22.

Prezo enhavanta fervojon, tramveturilojn, veturilojn, hotelojn, gvidistojn, enirojn en kastelojn, trinkmonojn: 2a klaso fr. 57. 50; 3a klaso fr. 48. 50.

**2. Kvartaga ekskurso.**

Sama programo ĝis 11 aŭgusto. Poste:

*Merkredo 12 aŭgusto.* — Foriro Tours 6 h. 50; alveno Saumur 8 h. 22. Vizito de la Kavaleria Lernejo, ĉevalmuzeo, urbodomo; tagmanĝo 11 h. 30; foriro per tramveturiloj 13 h. 15; alveno Fontevrault 14 h. 14. Vizito de abatejo de Fontevrault kaj kastelo de Monsoreau; foriro 17 h. 56; alveno Saumur 19 h. 23. Vespermanĝo; foriro 20 h. 42; alveno Angers 21 h. 17; vespero kaj nokto en Angers.

*Ĵaŭdo 13 aŭgusto.* — Vizito de Angers. Kunvenejo 8 h. Place Lorraine, promenejo, muzeo de religia arto, katedra preĝejo, kastelo, Domo Ballaut, muzeo David d'Angers. Tagmanĝo 12 h. Foriro per tramveturiloj al Trélazé 12 h. 30. Vizito de ardezejoj. Reveno en Angers 18 h. Vespermanĝo. Foriro 22 h. 23. Alveno Paris-Invalides vendredo 14 aŭgusto 4 h. 51.

Prezo enhavanta fervojon, foriron kaj revenon al Parizo tramveturilojn en Orléans, Blois—Amboise—Saumur—Fontevrault—Angers—Trélazé, veturilojn al Chambord, hotelojn (tri manĝoj ĉiutage), enirojn en kastelojn, trinkmonojn kaj gvidistojn: 2a klaso fr. 86. 50; 3a klaso fr. 74. 50.

*B. Normandio.*

Ekskurso al Rouen—Le Havre—Trouville, kun la helpo de la Esperantistaj Grupoj de Rouen kaj de Havre kaj sub aŭspicioj de UEA.

*Dimanĉo 9 aŭgusto.* Ĝenerala kunvenejo 19 h. 30 Kafejo Biard, 2, rue Amsterdam, apud la stacidomo. La gvidistoj estos rekoneblaj per verdaj brakumoj. Foriro Paris-St-Lazare 20 h. Alveno Rouen 22 h. 38. Loĝado en la hoteloj.

*Lundo 10 aŭgusto.* — 7 h. 30 matenmanĝo; 8 h. 30 foriro de la hoteloj kun la gvidistoj per tramveturiloj al Bonsecours. Belega vidaĵo al la Seine; 12 h. tagmanĝo en la hoteloj; 13 h. 30 vizito de Rouen, turo Jeanne d'Arc, muzeo, juĝejo, Domego de Bourgthéroulde, strato Grosse Horloge, katedra preĝejo, Preĝejo St-Maclou, ĉefdomo, strato Eau de Robec ktp. 19 h. vespermanĝo en Hotelo Barrette.

Honora akcepto de la Esperantista Grupo de Rouen.

*Mardo 11 aŭgusto.* — Foriro Rouen R. D. 6 h. 55; alveno Havre 9 h. 28. Vizito le Havre, la haveno, transatlantika vaporŝiparo.

*Por la vojaĝantoj dum du tagoj:* **Posttagmezo, ekskurso al Trouville. Reveno al Le Havre por vespermanĝo. Vespero propo-**

nata de la Esperantista Grupo de Le Havre. Prezento de komedieto en Esperanto.

Foriro Le Havre 22 h. 9; alveno Paris-St-Lazare merkredo 4 h. 17.

Prezo enhavanta ĉiujn elspezojn, nome fervojo, tramveturiloj, vaporŝipo por Trouville, hoteloj, gvidistoj kaj trinkmonoj: 2a klaso fr. 39; 3a klaso fr. 33.

*Por la vojaĝantoj de tri tagoj:* La posttagmezo de mardo 11 aŭgusto estos rezervata por la vizito de Sainte Adresse. Vespermanĝo kaj nokto en Le Havre.

*Merkredo 12 aŭgusto.* — Gastado en Trouville. Reveno al Le Havre; foriro 22 h. 9; alveno Paris-St-Lazare ĵaŭdon 4 h. 17.

Prezo enhavanta ĉiujn elspezojn por la tri tagoj: 2a klaso fr. 49; 3a klaso fr. 43.

*C. Champagne kaj Vosges.*

Ekskurso al Reims, Nancy, Gérardmer, La Schlucht, Le Houeck, kun la helpo de la Esperantistaj Grupoj Reims kaj Nancy kaj sub la aŭspicioj de UEA.

*Lundo 10 aŭgusto.* — Foriro Paris-Est 9 h. 4; alveno Reims 11 h. 3. Vizito de la centro de l' urbo. Loĝado en la hoteloj. 11 h. 30 tagmanĝo; 12 h. 30 promeno en la urbo. Vizito al la katedra preĝejo kaj St-Rémy; 14 h. 30 vizito de la atletolernejo; 16 h. 30 vizito al la kelegoj de la firmo Pommery (ĉampanvino); 19 h. vespermanĝo.

Akceptado per la Esperantista Grupo de Reims.

*Mardo 11 aŭgusto.* — Foriro Reims 6 h. 35; alveno Nancy 10 h. 15; gastado en Nancy.

*Merkredo 12 aŭgusto.* — Foriro Nancy 6 h. 50; alveno Gérardmer 8 h. 51. Ekskursoj al la Schlucht kaj al la Noneck. La Gérardmer lago foriro 20 h. 9; alveno Paris ĵaŭdon 13 aŭgusto 8 h. 25.

Prezoj enhavantaj ĉiujn elspezojn, fervojon manĝadon, loĝadon, gvidiston, trinkmonojn: 2a klaso fr. 84; 3a klaso fr. 69. 50.

Por certigi la sukceson de tiuj ĉi ekskursoj oni akceptos nur limigatan nombron de aliĝantoj. Do estas necese enskribiĝi kiel eble plej rapide.

## DIVERSAĴOJ

.·. **Esperanto en la Saksa Parlamento.** — Post kiam la saksa ministerio pri publika instruado malakceptis la peton de la Esperanto-unuiĝo de saksaj instruistoj pri enkonduko de Esperanto, S-ro deputato D-ro Steche en la kunveno de la 2 aprilo kritikis la decidon de la ministerio, ĉar tia decido ne estas konforma al la postuloj de la nuntempa progreso. S-ro D-ro Steche detale parolis pri la granda disvastiĝo de Esperanto kaj ĝia pedagogia valoro. Ministro S-ro D-ro Beck aldonis, ke Esperanto kaj la instruado de Esperanto multe progresis lasttempe, kaj tion oni devus atenti. Se ankoraŭ ne estas la momento enkonduki Esperanton kiel nedevigan fakon, la ministerio almenaŭ devus senpage disponigi lernejajn ĉambrojn. S-ro deputato D-ro Schanz plene konsentis kun S-ro D-ro Steche kaj dankis speciale la instruistojn, kiuj prenis sur sin la senpagan instruadon de Esperanto.

.·. **Esperanto kaj kongresoj.** — La unua Internacia Okultista Kongreso, okazonta en Berlin dum oktobro 1914, akceptis kiel kongreslingvon, krom la germana, franca, angla kaj latina, ankaŭ Esperanton. Kune kun la kongreso okazos ekspozicio, en kiu estos elmontrataj ĉiuspecaj objektoj kaj aferoj koncernantaj okultismon.

.·. **Esperanto kaj ekspozicioj.** — La komitato de la granda Ekspozicio Düsseldorf „El cent jaroj da kulturo kaj arto" (Majo-Novembro 1915) eldonis malgrandan informilon pri la ekspozicio ankaŭ en Esperanto. Tiuj ĉi unupaĝaj, malpezaj folioj povas esti uzataj por enmeto en korespondaĵojn de Esperantistoj, por tiamaniere fari propagandon por la tre grava kaj interesa ekspozicio en ĉiuj landoj. Oni povas ricevi provizon sin turnante al la jena adreso: Grosse Ausstellung, Ausstellungspalast am Kaiser-Wilhelm-Park, Düsseldorf.

.·. **Esperanto en Ĥinujo.** — La sekvantaj ciferoj klare montras la progreson efektivigitan de nia afero en Ĥinujo, malgraŭ diversaj malhelpoj, post la dua jaro de la stariĝo de la C. O. de Ĥina Esp. Asocio.

| | 1912 | 1913 |
|---|---|---|
| Komunikoj ricevitaj | 2411 | 5039 |
| „ forsenditaj | 3192 | 6113 |
| Vizitantoj al C. O. | 105 | 359 |
| Regionaj oficejoj | 17 | 22 |
| Aprobantoj | 151 | 323 |
| Membroj | 247 | 595 |
| Kursanoj | 396 | 919 |

.·. **Nova propagandilo.** — S-ro Demarcy, prezidanto de la grupo en Beauvais (Francujo), kaj S-ro Th. Jodart, ano de la Esp. grupo de la P. T. T., eldonis novan propagandilon (formato albumkarto, poŝt- kaj vizitkarto), kiu estas rekomendata al ĉiuj Esperantistoj por disdonado al parencoj kaj konatoj. Por faciligi la disvastigon de tiuj kartoj tra la tuta Esperantistaro, taŭgaj preparoj estis faritaj por ke la surskribaĵoj povu esti skribitaj por ĉiu lando nacilingve. Prezoj: formato albumo fr. 0. 20 po 1 ekz., fr. 0. 30 po 2 ekz., fr. 1. 20 po 12 ekz. Poŝtkartoj fr. 0. 10 po 1 ekz., fr. 0. 15 po 2 ekz., fr. 0. 75 po 12 ekz. (Aldonu fr. 0. 10 por sendelspezoj) Vizitkartoj fr. 2. 50, sendo fr. 0. 25 plie. Sin turni al S-ro Demarcy, Esperantista Grupo, Beauvais (Oise, Francujo).

## TRA LA GAZETARO

.·. *Lingvo Internacia* (aprilo). Esperanto kaj la Blindularo (Th. Cart):

„Grandan servon ni faris al Esperanto, se ni sukcesus pruvi al la ĉiam dubanta mondo, ke *jam nun* ni povas alporti mildigon al homaj suferoj. La „Savada Armeo" akiris grandan influon en kelkaj landoj malpli per sia religia idealo, ol per tio, ke ĝi *praktike* helpis al multaj mizeruloj kaj certigis al ili tujan vivon kaj viveblecon. Kion faris la „Savada Armeo" por ĉiuj ajn malfeliĉuloj, tion mi dezirus, ke ni Esperantistoj faru por la tiel kortuŝanta kaj interesanta klaso de la blinduloj. Mia konvinko estas, ke se en la mondo oni scius, ke unu el niaj taskoj — apud aliaj multnombraj kaj sendube pli gravaj — estas kompatema zorgo al la blinduloj, ni akirus el plej diversaj flankoj simpation kaj por Esperanto mem novan intereson. Pli efika propagandilo estas bona ago, daŭra bonfaro, ol multaj paroloj kaj promesoj!"

.·. *Esperanto-Türmer*, speciala dumonata organo por la defendo de Zamenhofa Esperanto en la germanlingvaj landoj. Jarabono: M. 1.50. Eldonejo Ader & Borel, Struvestr. 40, Dresden.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

*La kotizaĵoj por 1914 estas pageblaj al la Delegitoj, aŭ, se ne estas, al la C. O. de UEA.*

*Ordinara membro:* Fr. 2. 50 (Sm. 1).

*Subtenanta membro:* Fr. 5 (Sm. 2).

*Interŝanĝa aŭ Studenta Fako:* Fr. 1. 25 (Sm. 0. 50).

*Esperantia Entrepreno:* Fr. 12. 50 (Sm. 5).

*Id.* (Esperantista organizaĵo): Fr. 7. 50 (Sm. 3).

*Ĉiu membro paginta la kotizaĵon por 1914 ricevos de la C. O. de UEA la membrokarton kaj la Jarlibron.*

**Interkonsento kun la naciaj Esperantistaj societoj.** — La *Istria Esperanta Unuiĝo*, aliĝinta al la interkonsento, elektis kiel reprezentanton S-ron P-ron Demetrio Cossaro, prezidanto.

**Subtenantaj membroj.** — Ni rememorigas, ke personoj dezirantaj helpi al nia Asocio kaj subteni ĝian agadon, povas fariĝi subtenantaj membroj pagante kotizajon da fr. 5 (entenate la ordinara membra kotizajo). Ili ricevas, krom la Jarlibro kaj membrokarto, la aldonon al la Jarlibro, la Kongresan Dokumentaron kaj aliajn eldonajojn de UEA. Plie ni nun presigas por ili specialan karton. Ni esperas, ke tiuj el niaj membroj, kiuj deziras efike helpi al nia Asocio, ne hezitos pagi la duoblan kotizajon, kaj tiamaniere havigi al ĝi pluajn monrimedojn necesajn por la plivastigo de ĝiaj laboroj.

**Statistiko de servoj.** — Ni kunmetas nun la ciferojn pri la statistiko de la servoj plenumitaj dum 1913. Bedaŭrinde, ni konstatas, ke malgraŭ jam alsendita averto kelkaj Delegitoj ne ankoraŭ resendis al ni la koncernan respondilon — kio malhelpas nin publikigi la definitivajn rezultatojn. Speciale el la jenaj gravaj urboj ni ne ricevis respondilon: *Barcelona, Belgrad, Bruselo, Bukarest, Lyon, Melbourne, Napoli, Niĵni-Novgorod, Peterburgo, Porto, Sofia, Tiflis, Utrecht, Varsovio.* Ni do petas, ke tiuj Delegitoj bonvolu nepre tuj resendi la pleniĝitan respondilon.

**Poŝtmandatoj.** — La C. O. de UEA ricevas tre ofte, speciale el Francujo, poŝtmandatojn kun nomoj tre malbone legeblaj kaj sen iu ajn klarigo pri la celo de l' sendajo. Ĉar tiu procedo senutile pligrandigas nian laboron kaj kaŭzas erarojn kaj plendojn, ni tre petas noti sur la dorsflanko de la mandato plej legeble nomon kaj adreson de l' sendinto kaj la destinon de la mono. Pri eraroj rezultantaj el la manko de tiuj necesaj informoj, UEA ne estas responda[1].

**Novaj Delegitoj.**

*Alexandrie* (Egiptujo). — DD.: Georges Wilken, advokato, B. P. 456.
*Aussig* (Aŭstrio, Bohemujo). — D.: Josef Wokatsch, i. r. imposta asistanto, Bielagasse 22 II.
*Ĉaslav* (Aŭstrio, Bohemujo). — D.: Karel Cibulka, librotenisto, Ĉaslav 231.
*Châteauroux* (Francujo, Indre). — D.: Moreau, tinkturisto, 31, rue Paul Louis Courrier.
*Kizlar* (Rusujo). — D.: Nikolao Tubijanc, Bazarastr.
*Latah* (Usono, Wash.). — SD.: W. A. McEachern.
*Moguer* (Hispanujo, Huelva). — D.: Eugenio Cid ĉ Ibaner, Gua Civil.
*Oelsnitz* (Germanujo, Saksujo). — D.: Curt Feder, asesoro, Bachstrasse 154.
*Palotanyfalu* (Hungario, Budapest). — SD.: Peter Istvan, poŝtoficisto, Eotvos u. 64.
*Spokane* (Usono, Wash.). — VD.: R. Kerkhoven.
*Vich* (Hispanujo, Barcelona). — VD.: Antonio Ribas, Placa Nueva 8.

**Ŝanĝoj.**

*Bremen* (Germanujo): — D.: Bernhard Böning, instruisto, Lützowerstrasse 156.
*Bucureŝti* (Rumanujo). — D.: D-ro S. Kimel, str. Carol 29.
*Essen* (Germanujo, Rheinpr.) — D.: Fr Pillath, komercisto, Julienstrasse 54.
*Hamburg* (Germanujo). — D.: Sally Levinson, komercisto, Lehmweg 48/I; VD: A. B. C. Senff, komercisto, Alsterdamm 10.
*Southport* (Anglujo, Lancash.). — VD. Horace Tidswell, Scarisbrick Avenue.
*Spokane* (Usono, Wash.). — D.: R. W. Mason, kuracisto, en Colfax Wash.
*Winterhur* (Svisujo). — D.: Ed. Schauenberg, ĉe S-ro Schälchli b. Bäumli, Oberwinterthur.
*Wolverhampton* (Anglujo, Staffs.). — D.: Ernest J. Parkes, 24 New Road, en Willenhall.
*Zittau* (Germanujo, Saksujo). — Otto König, komercisto, Kasernenstrasse 31.

**Eksiĝoj.**

*Auerbach* (VD.: Feder); *Canton* (VD.: Sifo); *Davos-Dorf* (SD.: Marchand); *Halberstadt* (D.: Alsleben); *Kiŝinev* (D.: Soloviev); *Randers* (D.: Sörensen); *Zeletava* (SD.: Komenda).

**Informo.**

La Ĉefdelegito de Londono, S-ro Harry A. Epstein, transloĝiĝis al 17 Hart Street. *London WC.*, al kiu adreso oni de nun bonvolu sendi ĉiujn korespondajojn.

[1] En la landoj, kie notado sur la poŝtmandata dorsflanko ne estas permesata (Britujo, Rusujo, Usono, ktp.), la sendanto bonvolu ĉiam samtempe sendi poŝtkarton por doni la necesajn indikojn.

# Monata Bileto de UEA

La C. O. de UEA lastatempe okupiĝis pri la kunmetado de la ciferoj rilataj al la statistiko de la Esperantiaj servoj dum 1913. Kvankam ne ankoraŭ finordigitaj — pro kelkaj troprokrastemaj delegitoj! — ili montras normalan kreskon kompare kun la antaŭa jaro, malgraŭ tio, ke pro la transiro al la pli alta kotizajo la nombro de la membroj malgrandiĝis. Al kelkaj personoj tiaj statistikaj laboroj ŝajnas senutilaj. Ili tamen estas, krom la korespondajoj, kiujn ni ricevas, la ĉefa kontrolo pri la uzateco de nia Asocio. Dank' al tiaj statistikoj stariĝitaj de post la komenco de UEA, ni povis jaron post jaro sekvi la progresadon de la servoj, kiu grafike esprimiĝas per regule supreniranta kurbo. La devo de la Delegitoj rilate al tiu laboro estas duobla: unuflanke, ili faciligu fidindan statistikon notante ĉiujn servojn de ili faritajn kaj zorge respondante la specialajn demandarojn al ili sendatajn, aliflanke ili uzu la publikigitajn rezultatojn por apogi sian propagandan agadon per tiuj ciferoj.

En tiu ĉi № oni trovos diversajn notojn pri la alkongresaj kaj postkongresaj karavanoj, kiuj organiziĝas sub la aŭspicioj de UEA. Al ĉiuj personoj intencantaj aŭ eĉ simple dezirantaj veturi Parizon, ni rekomendas la legadon de tiuj informoj, kiujn ili profitu kaj profitigu. En venontaj N-roj ni havos la okazon atentigi pri kelkaj aliaj fervojaj profitoj, kiujn ebligas la membreco de UEA.

Niaj vojaĝantaj membroj kaj ankaŭ niaj delegitoj ofte plendis pri la manko de *oficiala ŝildo* de UEA, alfiksebla kontraŭ la dompordoj. Diversaj provoj ne liveris kontentigajn rezultatojn. Ni nun estas feliĉaj ekscii, ke tiu manko estas malaperonta. Post nelonge aperos oficiala ŝildo, kiun ĉiu delegito povos malkare prunte ricevi por alpendigi ĉe la pordo aŭ kontraŭ la muro de sia domo. Detala anonco pri tio aperos baldaŭ en la Oficiala Informilo de UEA kaj estos akompanata de kliŝajo. Nun kiam ĝi ekzistos, la Delegitoj almenaŭ ĝin uzu! Tion ni almenaŭ rajtas esperi.

Inter la nunmonate plenumitaj laboroj mi devas citi la ellaboron de la projekto de nova Statuto, kiu necesigis specialan kunsidon de la Subkomisiono siatempe elektita de la Komitato (S-roj Rousseau, Stettler kaj Hodler). Projekto estis preparita, post sufiĉe longa laboro, kaj estos submetata al la Komitato. Pri ĝi baldaŭ aŭdos niaj membroj.

*H. H.*

## ESPERANTIAJ KONGRESAJ KARAVANOJ

**Karavano Berlin-Paris kaj reen per speciala vagonaro.** — *Partopreno.* — Partopreni povas *ĉiu persono*, kiu submetiĝas al la ĉi-sube konigitaj kondiĉoj; estas do bona okazo, por ankaŭ neespe-

rantistojn atentigi pri la eksterordinaraj favorajoj, ĝueblaj per Esperanto, kaj instigi ilin al partopreno. Nekongresanoj estos tute sendependaj de kongresaj aferoj. Al la grupoj ni rekomendas, malfermi specialajn porvojaĝajn kursojn de Esperanto por varbitaj neesperantistoj.

*Daŭro — elirpunktoj — kostoj.* — La aranĝajo daŭros *de la 1 aŭgusto ĝis la 10 aŭgusto* inkluzive. La alvojaĝo en ekstra vagonaro komenciĝos la 1 aŭgusto matene en Berlin kaj finiĝos la 2 aŭgusto frumatene en Paris. La reveturo komenciĝos la 9 aŭgusto vespere en Paris kaj finiĝos la 10 aŭgusto vespere en Berlin. La precizajn horojn ni ankoraŭ ne povas fiksi; ili dependas de la plano, kiun la fervojaj administracioj starigos nur kelkajn semajnojn antaŭe. Sed ĝustatempe ni sciigos ĉiun partoprenonton pri la horo de l'forveturo el la supre nomitaj elirpunktoj. Al la karavananoj, kiuj intencas partopreni de el Berlin kaj kiuj loĝas tre malproksime de tiu ĉi urbo, ni nepre rekomendas, esti en Berlin jam la 31 julio.

Partoprenontoj el nordokcidentaj, okcidentaj kaj sudaj partoj de Germanujo, el nordaj landoj kaj Aŭstrio povas aliĝi ankaŭ en *Frankfurt a. M.* aŭ *Metz.* Kompreneble la reveturo finiĝos por ili en la samaj lokoj.

Eĉ aliĝo inter la diritaj tri elpunktoj estos ebla en jenaj lokoj: Halle a. S., Erfurt, Eisenach, Bebra, Fulda — Mainz kaj Saarbrücken. Sed la aliĝontoj el tiuj interstacioj devas pagi la prezojn valorantajn por la plej proksima antaŭa elirpunkto.

Jen la *prezoj* por unu persono, *inkluzive ĉiujn kostojn:*

| *Elirpunkto* | *3a Klaso* | *2a Klaso* |
|---|---|---|
| *Berlin* . . . . . | *140 Mk. (69 Sm.)* | *180 Mk. (88½ Sm.)* |
| *Frankfurt a. M.* . . | *125 „ (61½ „ )* | *155 „ (76 „ )* |
| *Metz* . . . . . . | *117 „ (57½ „ )* | *142 „ (70 „ )* |

Ĉi tiuj prezoj rilatas ne nur al la fervoja veturo, sed ankaŭ al la restado en la hoteloj en Paris. Por ne tro postulemaj personoj la tria klaso tute sufiĉas.

La entenataj kostoj estas por: fervoja veturo el la koncerna elirpunkto kaj reen; veturo de la stacidomo al la hoteloj en Paris; loĝado kaj plena nutrado, ĉiuj trinkmonoj; vizito al la vidindajoj de Paris kaj ĉirkaŭajo, sub gvidado de spertuloj kaj en specialaj veturiloj; eniro en muzeojn kaj kastelojn; supreniro sur la Eiffelturon; gvidlibro de Paris kun plano. (Detalojn vidu ĉi-sube.)

Por maksimume 10 personoj, precipe fervojaj geoficistoj ricevantaj de sia administracio senpagan bileton, ni rezervas la rajton, kunveturi en la ekstra vagonaro kaj pagi nur por la aranĝoj en Paris. En ĉi tiu okazo la prezoj estas por

*3a klaso: 105 Mk. (51½ Sm.)*

*2a klaso: 125 Mk. (61½ Sm.)*

Kiu volas uzi ĉi tiun favorajon, bonvolu sin anonci baldaŭ, ĉar ni nenlukaze povas pligrandigi la nombron de tiaj kunvojaĝontoj.

La *aliĝo* okazu kiel eble plej frue, sed *nepre ĝis la 25 julio;* post tiu ĉi dato ni nenial povos akcepti aliĝojn. Oni sciigu sian aliĝon nur al S-ro Friedrich Ellersiek, redaktoro de G. E., Wissmannstr. 46, Berlin S. 59.

La mono estas sendota laŭ jena adreso: *Bank für Handel und Industrie* (für Konto Germana Esperantisto), Belle-Alliance-Platz 6, *Berlin SW. 61.*

Aparta sciigo al la banko ne estas necesa.

Oni sendu la monon prefere per poŝtmandato. Ankaŭ ĉekoj sur iu germana banko estos akceptataj, sed nur, se ili alvenos maksimume ĝis la 20a de julio. Ĉekoj kaj transpagiloj de Ĉekbanko Esperantista ne estos akceptataj. *La aliĝoj valoros nur post alveno de la mono.* La pagintoj ricevos provizoran vojaĝkarton; la definitivajn biletojn ni disdonos senpere antaŭ la forveturo el la tri elirpunktoj.

*Vojaĝoj al la elirpunktoj.* — Ni tre rekomendas, ke oni el regionoj aŭ urboj, el kiuj partoprenos sufiĉe multaj karavananoj, organizu komunajn vojaĝojn al la tri elirpunktoj Berlin, Frankfurt a. M. kaj Metz. Sed tiajn aranĝojn la partoprenontoj mem devas fari, intertraktante kun la koncernaj fervojaj administracioj pri eventualaj rabatoj kaj pri rezervado de specialaj vagonoj en la regulaj vagonaroj. Nia ekstra vagonaro el Berlin alvenos en Frankfurt a. M. ĉirkaŭ la 6a vespere, en Metz ĉirkaŭ noktmezo. Tamen, ĉar ni jam en Berlin devas havi la minimuman nombron de vojaĝantoj, necesan por veturigo de la ekstra vagonaro, ni petas, ke oni, se iel eble, aliĝu en Berlin.

*Pakajo.* — Ekspedo de pakajo ne povas okazi per la ekstra vagonaro; la partoprenontoj povos kunpreni nur manvalizon. Tial estas rekomendinde, kiel eble plej limigi la pakajon. Kiu tamen deziras kunpreni pli grandan pakajon, sendu ĝin antaŭe al Paris kiel fervojan transportajon. Sur la manvalizo oni videble fiksu la nomon kaj adreson de l'posedanto. Ni atentigas ankaŭ pri tio, ke oni en Francujo devas pagi limimposton por fumajoj. Senpage oni povas kunpreni nur 10 cigarojn aŭ 25 cigaredojn aŭ 25 gr de tabako. Sed ĉi tiun rajton havas nur sinjoroj; sinjorinojn la doganistoj ne konsideros kiel fumantojn.

*Dormo- aŭ manĝovagonon.* — La vagonaro ne havos, ĉar ilia kunveturigo ne estas allasebla en tia speciala aranĝo.

*Pasporto* ne estos necesa. Tamen ni rekomendas, ke la karavananoj sin provizu per iu legitimacio; tre bone taŭgas por tio la nunjara membrokarto de UEA. Germanaj partoprenontoj povos uzi ankaŭ la tielnomatan „Postausweiskarte", haveblan por 50 Pf. en la poŝtoficejoj.

*Loĝado kaj nutrado* okazos en bonaj hoteloj kiel eble plej proksimaj de Gaumont-Palaco. Ĉi tiujn aranĝojn faros la firmo Junot, la sama, kiu laboras ankaŭ por la Kongresa Komitato. Do, niaj karavananoj estos en same bona situacio, kiel la ceteraj kongresanoj, eble eĉ iom preferataj! Ĉiu partoprenonto, escepte geedzoj, ricevos apartan ĉambron. Tamen, por faciligi la loĝigon, ni tre petas, ke sinjorinoj aŭ sinjoroj, kiuj ne kontraŭstaras loĝi kun amikino aŭ amiko en unu komuna, dulita ĉambro, tion sciigu al ni. Tre volonte ni plenumos specialajn dezirojn laŭ tiu rilato. Infanoj povas partopreni nur en akompano de plenaĝaj familianoj kaj pagas la plenajn prezojn. La nutrado konsistos el po tri manĝoj ĉiutage; ĝi komenciĝos per la matenmanĝo tuj post la alveno en Paris kaj finiĝos per la vespermanĝo antaŭ la reveturo. La nutrado konsistos matene el kafo, teo aŭ ĉokolado kun butero kaj pano; tagmeze el supo, du sinsekvaj viandajoj kun aldonajoj (legumoj) kaj deserto, inkluzive trinkajojn (laŭdezire vinon, bieron aŭ mineralakvon); vespere el du varmaj manĝajoj kaj deserto, inkluzive trinkajojn (vidu supre). La manĝajoj estos bonegaj kaj sufiĉe riĉakvantaj.

*Libervola reveturo* ne estos ebla; la karavananoj nepre devos uzi nian reirontan ekstran vagonaron. Ankaŭ nura kunvojaĝo, sen ĝuado de la aranĝoj en Paris, ne estos ebla. Oni bonvolu konsideri, ke la tre malaltajn prezojn ni povis atingi nur per rezigno al ĉiuj esceptoj.

*Loĝado en Berlin.* — Por karavananoj, kiuj deziras pasigi en Berlin la nokton antaŭ la forvojaĝo al Paris, ni volonte prizorgos loĝejon, se oni sufiĉe frue sciigos al ni siajn dezirojn. Rilate al prezoj ktp. oni petu de ni specialajn informojn.

*Akcepto en Berlin.* — La partoprenontoj, kiuj jam la 31 an de julio vespere estos en Berlin, estos akceptataj de la Berlina Esperanto-Grupar en kunvenejo, kiun ni sciigos sur la provizora vojaĝkarto.

*Repago de la kotizo.* — Se iu aliĝinto pro grava kaŭzo ne povos partopreni, ni repagos la senditan monon minus 10 Mk. (5 Sm.) por jam faritaj elspezoj.

*Risko kaj garantio.* — Ĉiu karavanano partoprenos la vojaĝon kaj ĉiujn aranĝojn je sia propra risko, kaj ankaŭ iajn garantiojn ni ne povas preni sur nin. Kompreneble per si mem estas, ke ni laŭ ĉiuj fortoj klopodos, aranĝi ĉion ekstreme zorge kaj kontentige, por eviti al niaj „prizorgatoj" malagrablajojn kaj akcidentojn.

*Centro de la organizado.* — Ankoraŭfoje ni rememorigas pri tio, ke la centro por karavanaj aferoj, antaŭ ĉio por aliĝoj, estas ĉe la redaktoro de Germana Esperantisto en Berlin; ĝeneralajn informojn donas ankaŭ la oficejo de Germana Esperanto-Asocio, Pirnaische Str. 50, Dresden-A, kaj la Delegitoj de UEA.

# Esperantia Parolejo

## Oni laŭdas!

.·. S-ro *C. Stevanini*, Esp-iano en Verona, plej kore dankas al S-ro E. Wengler, Del. en Berlin, dank'al kies perado li sukcesis havi de la ĥina ambasadoro en Berlin tradukon de skribaĵo verkita en ĥina malnova klasika lingvo.

.·. S-ro *V. Polakov*, Esp-iano en Sl. Rudrja (Rusujo), esprimas sian koran dankon al S-ro Th. Rousseau, Del. en Dijon, pro akurata respondo al grava informpeto.

.·. S-ro *W. Mossbach*, Del. en Emmerich (Germanujo), kore dankas al S-roj P. Pakker, Vicdel., W. Bierens, Subdel., J. van Huessen kaj P. van Leerdam, Rotterdam, pro ilia bonega konduko tra la urbo.

.·. S-ro *B. Gluchovski*, Esp-iano en Rakov-Czestochova (Rusujo), kore dankas S-ron H. Epstein, Ĉefdel. en London, pro tre grava servo.

.·. S-ro *A. Kolĉin*, Del. en Samara (Rusujo), esprimas plej sinceran dankon al S-roj K. Sostmann, eks-Del., kaj E. Wengler, Del. en Berlin; al S-roj P. J. Vermaas, distrikta Del., kaj H. Dijkstra, Subdel. en Rotterdam; al S-roj M. Maillart, Genève, J. Camescasse, Ĉefdel. en Paris, kaj E. Sós, Del. en Wien, pro gravaj informoj.

.·. S-ro *A Jujelevskij*, Esp-iano en Vilna (Rusujo), esprimas sian sinceran dankon al S-roj P-ro V. Colonnese, Del. en Milano, A. Tellini, Del. en Bologna, G. Saccardi, Del. en Siena, L. Frigo, Del. en Padova, D-ro F. Simbriger, Del. en Innsbruck, A. Dicks, Del. en Kiel, H. C. Mees, Del. en s'Gravenhage, B. Herold, Del. en Lwow, kaj St Rudnicki, Del. en Krakow, pro la afable kaj precize donitaj informoj.

## Oni petas!

.·. S-ro *Frant. H. Kučera*, Del. en Knezeves apud Rakovnik (Bohemujo), petas ekstereŭropajn samideanojn, ke ili alsendu seriojn de ilustritaj poŝtkartoj (urbvidaĵojn, popoltipojn), po 20 pecoj, puraj kaj sen surskribo, por propaganda ekspozicio. Rekompence li sendos saman nombron de ilustritaj poŝtkartoj el Bohemujo aŭ monon.

.·. S-ro *St. Jagielski*, Del. en Mogilno (Posen), Lindenpl. 21, petas alsendon de diverstemaj priskribaĵoj (geografio, historio, komerco ktp.) por propagando de Esp. en Polujo.

.·. S-ro *N. Starosjelskij*, Del. en Asĥabad, prezidanto de Transkaspia Societo Esp., deziras ricevi senpage gazetojn, poŝtkartojn, katalogojn, gvidfoliojn ktp. por ekspozicioj dum propagandaj paroladoj.

.·. S-ro *G. P. de Bruin*, Del. en Enschede (Nederlando), Alleeweg 9, petas alsendon de ĉiuspecaj esperantaĵoj por propaganda ekspozicio.

.·. S-ro *A. Raz*, Del. en Beroun (Bohemujo), Vrchlického 70, petas alsendon de ĉiaj esperantaĵoj por aranĝi propagandan ekspozicion.

.·. S-ro *J. Mučnik*, en Ŝepetovka, Volinskaja gub. (Rusujo), intencante fondi tutmondan asocion por propagando de Esp. inter hebreoj, petas ĉiujn interesulojn, ke ili nepre skribu al la supra adreso, kie ili ricevos ankaŭ pli detalajn informojn.

.·. S-ro *L. Eisenbeiss*, en Kempten (Bavarujo), petas ĉiujn samideanojn, kiuj trapasas Kempten, ke ili petu ian ajn turisman informon de la urbestro, ĉar tiu ĝis nun ne povis konvinkiĝi pri la praktika uzado de Esp. de eksterlanduloj.

.·. S-ro *W. Poppe*, Esp-iano en Pardubice (Bohemujo), Alkoholfabrik, petas alsendon de bildoj, fotografaĵoj aŭ desegnaĵoj de krematorioj kaj de „urnobosketoj" (arbaretoj aŭ bosketoj por la enmetigo de urnoj kun homa cindro). Li ankaŭ danke akceptos informojn pri la cindrigo de homaj kadavroj, ĉar li intencas ilin uzadi kiel propagandilon por la kremacia ideo en sia urbo.

## Oni proponas!

.·. S-ro *D. de Szentmariay*, garantianto de UEA, proponas, ke en la eldonaĵoj de UEA, Hungarlando ne estu kunigita kun Aŭstrio, ĉar ĝi estas sendependa lando: Aŭstrio havas Imperiestron, Hungarlando havas Reĝon.

## Kiu estas?

Antaŭ nelonge mi ricevis de fremdlandulo (el Svisujo?) leteron petantan ilustraĵojn de malfacilaĵoj je konstruaĵoj fervojaj en tiu ĉi lando, precipe de la surmara fervojo aŭ orienta-marborda (Key West) linio. Mi pruntedonis leteron al esperantista amiko por legi, kaj li ekperdis ĝin. Mi tute forgesis la nomon kaj adreson. Mi petas, petegas la skribinton, reskribi alian fojon al mi, kaj mi tuj respondos.

*E. G. Smith*, del. (Ocala, Florida, Usono).

# Esperantia Vivo

**Fianĉiĝo.** — S-ro Ludoviko Dobó, fervoj-oficisto, kun F-ino Eŭgenio Singer, instruistino, ambaŭ Esp-ianoj en Kassa (Hungarlando). La edziĝan solenon faros nia tiea Delegito, S-ro St. Schulz, kiel hung. reĝa registristo de l'stato civila.

# Reciproka Informado

Ĉiu membro de UEA, kiu deziras ion scii pri *iu ajn temo* (komerco, turismo, libroj, institucioj, ktp.) skribu al ni sian demandon. Ni ĝin enpresos ĉi tie kun vica numero. Tre verŝajne inter niaj membroj, kiuj apartenas al plej diversaj medioj, landoj, profesioj, iu povos respondi. Tiun respondon li bonvolu resendi al ni, kaj ni ĉi tie ĝin enpresos. Ni rezervas al ni la rajton mallongigi kaj aranĝi la tekston de la demandoj kaj respondoj kaj, eĉ tute forigi tiujn, kiuj estus kontraŭ la bonmoroj, la ĝeneralaj principoj de nia gazeto aŭ ne havus sufiĉe ĝeneralan intereson. La demandoj kaj respondoj estu kiel eble plej mallongaj kaj precizaj. Oni skribu ilin tre legeble sur apartaj paperfolioj aŭ poŝtkartoj, aldonante la numeron de la membrokarto de UEA.

## Demandoj

26. Mi intencas pasigi julion-aŭguston en franca sablo-marbordo proksima de Anglujo, kaj instruus la francan lingvon je anglaj gejunuloj. En kiu angla ĵurnalo estas preferinde presigi reklamon por tio? — M. 4719.

27. Mi petas adresojn de firmoj en Aŭstrio aŭ Germanujo okupiĝantaj pri feraĵaro, ferkomercaĵoj, de pli gravaj feraj fabrikejoj, precipe korespondantaj en Esperanto. — M. 4471.

28. Mi petas sciigi al mi, ĉu ekzistas en Esperanto lernolibroj pri algebro, pri germana kaj pri franca lingvo. — M. 337.

29. Kiom kostas la vojaĝo de London al Edinburgh kaj de London al Zürich en IIIa klaso de ordinara rapida vagonaro? — M. 5292.

30. En Francujo ekzistas „Jarlibro de la Ŝuo kaj Ledoj" de L. Johanet, en kiu troviĝas ĉiuj adresoj de la vendistoj de ĉiaj ŝuaĵoj. Kiu konus la nomon de simila jarlibro en aliaj landoj, precipe Germanujo, aŭ almenaŭ adreson de germana fakgazeto rilatanta al tiuj komercaĵoj? — M. 1963.

31. Kiu estas la plej moderna kaj taŭga franclingva gvidlibro de Parizo kaj anglalingva gvidlibro de Londono, ambaŭ en poŝformato? — M. 1650.

## Respondoj

La unua cifero montras la numeron de la demando, la dua (inter krampoj) la paĝon de *Esperanto*, sur kiu ĝi aperis.

15 (97). Petu katalogon No 31 al: Standard Gillet Light Co, 9-11, West Michigan Str., Chicago (Ill.). — M. 8363.

# Alvokoj

## Peresperanta mondvojaĝo

Pro malkonfidinda „poste restante" servo de l' centra poŝtoficejo de Buenos-Aires, ĉesis la daŭrigo de ĉiu tien sendita korespondaĵo malatingas min ĉiu presaĵo, letero, kaŭzante malordon, interrompojn tiel en rilatoj kun mia konataro, kiel en ĉiuspeca interligo kun esperanta kaj hungara gazetaro. Tiu ne esperita, gravkonsekvenca malagrablaĵo multe prokrastigas la komencon de la propagandvojaĝo! Por forigi tiun malbonon, mi petas ĉiun personon aŭ societon, ke ili notu ĉi suban ŝanĝitan adreson kaj bonvolu sciigi min, kion, kiam, kial ili forsendis skribaĵon, presaĵon al mia antaŭa adreso; poste ĉu oni ilin resendis al skribinto aŭ ne, ĉu sendinto posedas dokumenton pri la sendaĵo. Konigi detalojn, fari samtempe plendon en sia poŝtoficejo.

Ordigado de la aferoj postulas kelkajn monatojn, dum kiuj mi energie daŭrigos preparadon de mia paroladvojaĝo, koncentrados organizadon kaj kolektos datojn, fotografaĵojn ankaŭ pri mia nuntempa rezidejo, Respubliko Argentina, ligatajn al parolado pri Hungarlando.

Ĉiujn korespondaĵojn bonvolu — ĉiam rekomende — sendi aŭ al mia hejma adreso: Lajos Keleti, Szászebes (Szebenom, Hungario), aŭ direkte ĉi tien: L. Keleti, a. e., Societo de komercoficistoj de 1858, Buenos-Aires, Casilla de Correo 449. *Lajos Keleti.*

## Malagrablaj aferoj

Dum la lasta tempo mi ofte ricevis poŝtkartojn ilustritajn kun sciigo „Kial vi ne respondas; respondo estas deviga". Precipe el Aŭstrio. Nun mi devas sciigi, ke mi ne kolektas poŝtkartojn, do ke mi neniam membriĝis al ia unuiĝo de kolektantoj. Mi pensas, ke la gazeto enpresigis mian nomon en la rubriko kolektantoj de Pl. Eble la redakcio vidis mian nomon en la Jarlibro de UEA. Kaj nature kiam kolektanto vidas nomon el Java, rapide li sendas kartojn. Kiam instruisto petas de mi kelkajn kartojn de mia insulo, mi nature sendas, sed al la ordinaraj kolektantoj mi ne respondas.

Plie mi ne komprenas la redakcion de Pl.-gazetoj, kiuj kuraĝas enpresigi nomojn en siaj gazetoj sen permeso de la persono mem.

*A. Knegh* (Banjoewangi, Java).

## Filantropiaj markoj

S-ro Parant, prezidanto de l'Iniciata Sindikato de Bourg (Ain, Franclando), pripensas la projekton organizi en Franclando laŭ novaj fundamentoj batalon kontraŭ la loĝejaĉo, la alkoholismo, la tuberkulozo, la infana mortado, kaj por trovi necesan monon por la fondo de senpagaj konsultapotekoj, por la kreado de higienejoj, por la eldonaĵo de multaj traktatoj, por la organizado de paroladoj, S-ro Parant proponas eldonon de filantropiaj poŝtmarkoj kaj poŝtkartoj.

Tiaj poŝtmarkoj kaj poŝtkartoj ekzistas en diversaj landoj.

Por konigi al la kongreso de la socia higiena ligo, kiu okazos dum la Lyon'a internacia ekspozicio, la jam efektivigitajn iniciatojn, S-ro D-ro Arloing, S-ro P-ro D-ro Paul Courmont, ĝenerala komisaro de l'Ekspozicio, konsilis al S-ro Parant kolekti ĉiujn publikigitajn vinjetojn.

La *Esperantista grupo de Bourg,* propetita, estas feliĉa sin interesi al tiu entrepreno. Ĝi petas ĉiujn Esperantistojn bonvoli sendi al S-ro Louis Pochon, 4, Avenue Alsace-Lorraine, Bourg (Ain, Francujo) filantropiajn poŝtmarkojn kaj poŝtkartojn en ĉiu lando eldonitajn por kontraŭbatali tiujn timindajn malfeliĉegojn.

S-ro Pochon sendos ĝin al la Prezidanto de l'Iniciata Sindikato de Bourg kaj esperas, ke tiamaniere li povos pruvi, ke Esperanto kapablas akiri servojn al ĉiuj, eĉ al neesperantistoj.

| | Prezo (afranke) Fr. |
|---|---|
| Ed. PRIVAT. — **Ginevra.** Lirika dramo. 48 p. | 1. 25 |
| Ed. PRIVAT. — **Tra l'Silento.** Poemoj. Lukse eldonita | 1. 50 |
| D-ro SCHULHOF. — **Poemaro.** Tri volumoj. (entute) | 1. 50 |
| D-ro VALLIENNE. — **Kastelo de Prelongo.** Romano. 450 p. | 4. 50 |
| D-ro VALLIENNE. — **Ĉu li?** Romano. 450 p. | 4. 50 |
| MUZIKO: | |
| K. JOST. — **Esperantista Kantaro.** 17 liedoj. 40 p. | 1. — |
| **Esperantista Kantaro.** 2ª eld., 10ª milo. 72 p. | 0. 75 |
| INSIGNOJ, FLAGOJ: | |
| **Oficiala insigno de UEA.** — Pinglo aŭ broĉo (poŝte rekomendita) | 1. 15 |
| Butono | 1. 45 |
| Por Delegitoj. Pinglo, broĉo aŭ butono | 1. 25 |
| **Esperantista insigno** (modelo Gasse). Pinglo aŭ broĉo (poŝte rekomendita) | 1. — |
| Butono | 1. 25 |
| Kravatpinglo | 0. 85 |
| Ĉeninsigno | 1. 75 |
| **Esperantista flago.** 25 × 16 cm. | 0. 75 |

*ATENTU! — Ĉiuj verkoj supre notitaj estas sendataj afrankite. Por rekomendo aldonu 25 ct.*

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* Pl = *poŝtkartoj ilustritaj.*
PM = *poŝtmarkoj.* bfl. = *bildflanko.*

AUERBACH I. V. (Germanujo, Saksujo). — Membroj de la Esperanto Societo deziras korespondi kun ĉiuj landoj. Adresu al: S-ro Hugo Gerisch, fabrikposedanto.

AUGSBURG (Germanujo, Bavarujo). — S-ro H. Hofmann, Mittelstr. 7. Pl.

AUGSBURG (Germanujo, Bavarujo). — S-ro Fr. Geiger, Schützenstr. 10. Pl.

BEROUN (Aŭstrio, Bohemujo). — F-ino Ruzena Hrdliĉkova, Beroun 1-89.

BRUSELO (Belgujo). — S-ro V. Lamberts, poste restante Nord, Pl., PM. (uzitaj kaj neuzitaj).

BUDAPEST (Hungario). — S-ro Glancz Gyula, IV. Karoly-körut 24, Pl. (kun ĉiuj landoj).

CHAMPAGNE-SUR-SEINE (Francujo, Seine-et-Marne). — S-ro Foucault Fernand, PK., PM. sendas PK. por PM.

CHAMPAGNE-SUR-SEINE (Francujo, Seine-et-Marne). — S-ro Octave André, PK., PM. (ne sendas unue).

CHATEAU-THIERRY (Francujo, Aisne). — S-ro Georges Delanoue, Del. de UEA, PM., Pl., L. (kun ĉiuj landoj, deziras interŝanĝi PM).

GEORGSWALDE (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Josef Posepny, Georgswalde 484, Pl.

HOORN (Nederlando). — S-ro C. Staverman, Munnikeveld 23, Pl., L.

KAMIONKA-WIELKA (Aŭstrio, Galicio). — S-ro Juliusz Baluk, Pl. (kun ĉiuj landoj).

KRAKOW (Aŭstrio, Galicio). — S-ro Haltof Wilhelm, str. Soltyka 5, PK., PM. (kun eksteraŭstriaj samideanoj, precipe kun samideaninoj).

LE MARS (Usono, Iowa). — S-ro Charles D. Ray, D. O., Pl. (kun ĉiuj landoj).

LYON (France, Rhône). — S-ro Marcel Inard, 28, Cours Bayard, Pl., PK., PM., L., bfl. (kun ĉiuj landoj).

MERTHYR TYDFIL (Anglujo). — S-ro L. Evans, hufoferforĝisto, 7 Bryn Terrace, Pontsticil (kun alilandaj hufoferforĝistoj).

MOSKVO (Rusujo). — S-ino L. Jakovleff, Preĉistenka Eropkinskij per., dom 7, kv, 7, Pl. (reproduktaĵojn de pentraĵoj el ĉiuj muzeoj, galerioj kaj palacoj; kun alilanduloj).

NEW-YORK (The Bronx, N. Y., Usono). — S-ro Creston C. Coigne 2627 Webster Ave. (kun psikologoj pri nenorma psikologio, hipnozo, sonĝoj k. s.).

OMSK (Siberio, Akmol. obl.). — S-ro A. Zommerfeld, Holochinskaja ul. 184.

PLAINE ST-DENIS (Francujo, Seine). — S-ro René Rabarde, 11, rue de la justice, Pl. (kun ĉiuj landoj).

POITIERS (Francujo, Vienne). — La fraŭlinoj kaj fraŭloj de „Esperantista Junularo" deziras konstantan korespondadon kun ĉiuj landoj. Sin turni al la prezidanto: S-ro Gaston Lelarge, studento, 44, rue de la Cathédrale, Pl., PM., L., bfl.

POLA (Aŭstrio, Istrio). — F-ino Nada Bekar, Via Stancovich 15, Pl. (pri pentrista arto; interŝanĝas mem pentritajn akvarel- kaj oleopentraĵojn).

PRAHA (Aŭstrio, Bohemujo). — Senpage enskribas adresojn de fremdlandaj korespondantoj redakcio de „Ĉasopis Ĉeskych Esperantistu", Praha II — 2023.

PROSTEJOV (Aŭstrio, Moravio). — S-ro R. Fridrich, profesoro, ulice Rejskova 10, (kun samideanoj el malgrandaj, precipe subpremataj nacioj: baska, dana, estona, finna, flandra, galicia, greka, irlanda, kataluna, kimra, litova, lohiŝa, luĵica, serba, skota, slovena, ukraina ktp.

SAINVILLE (Francujo, Eure et Loire). — S-ro Henri Buret, notario.

SIDI ABDALLAH O. M. (Tunizio). — S-ro Eugène Le Gal.

SIDI ABDALLAH O M. (Tunizio). — S-ro Jules Gestin.

STA. CRUZ DE TENERIFE (Insuloj Kanariaj). — S-ro Manuel Alvarez, Oficial de Intendencia Militar. Pl., bfl. ((kun ĉiuj landoj).

ST-DENIS (Francujo, Seine). — S-ro Jean Carlier, Passage Lacroix 4, Pl., L., PM. (kun ĉiuj landoj).

WANDSBECK APUD HAMBURG (Germanujo.) — S-ro Aug. Brüggemann, Bramfelderstr. 42, PM., Pl. (sendos belajn Pl. kontraŭ PM. uzitaj).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

AERGASLUMIGADO. — Aparaton por Aergaslumigado devas nepre posedi ĉiu, kiu loĝas tie, kie oni ne povas akiri lumigadon per elektro aŭ karbogaso. Malkara kaj tamen belega lumo. Petu prezaron. Adreso: J. M. J. Snoeijink, Denekamp (Nederlando).

AGENTECOJN por ĉiuj landoj prizorgas samideano, nomas devenojn ktp. Senpage, nur unu respondkup. Postlagerkarte 93, Berlin SO. 26.

ĈIUJ PERSONOJ, kiuj intencas veni al Kalifornio por viziti aŭ por vivi, estas petataj skribi siajn informpetojn al la suba adreso. Ĝenerala informo pri la Panama-Pacifika Ekspozicio kaj la samtempe okazonta Tut-Pacifika Esperanto-Kongreso estas senpage donata. Berkeley Esperanto-Societo, 1151 Oxford St., Berkeley, Kalifornio, Usono. 2

EDUKEJO POR JUNULINOJ. — S-ino Ed. Tuscher Wuillismenet kaj ŝia filino, diplomita instruistino, akceptas en sia hejmo kelkajn junulinojn dezirantajn lerni la francan lingvon. Prospekto kaj referencoj je dispono. Monata prezo de Fr. 130 (Sm. 52) ĝis Fr. 150 (Sm. 60) laŭ la ĉambro. — Les Erables, Ecole 32, Neuchâtel, Svisujo.

ESPERANTISTOJ LEGU ATENTE! Ĉu vi volas ŝpari monon? Se jes, kiam vi deziras aĉeti kian ajn komercaĵon francan, turnu vin al la firmo Remy kaj K-in. Ĝi profitigos vin je parto de diskonto

ricevota de la fabrikistoj pri ĉiuj artikloj. Skribu petojn kun respondkupono) al Remy kaj Kio, Komerckonsulo de UEA, Boîte 450 (poŝtkesto), poste centrale, Paris.

FRAŬLO germana, 38 jara, deziras mallukse meblitan ĉambron (sen manĝado) ĉe familio en la tropikoj (prefere Hindujo, Oceanio, Japanujo) aŭ en la sudo de Eŭropo. Li estus preta doni al infanoj de la familio lecionojn en la lingvoj germana, angla kaj franca por senkosta loĝado. Adreso: Ernst Schæffer, ĉe Franz Krüger, Rathenow a/Havel, Grosse Burgstrasse 17, (Germanujo, Prov. Brandenburg).

GRUPOJ, SOCIETOJ, sendu poŝtmandaton aŭ ĉekon de 1 Spesmilo al „Eldonejo Esperantista", adreso: J. van Dam, Kanaalstraat 38, Amsterdam, Nederlando, kaj vi tuj ricevos 1 ekz. *Lerno-Ludo'n* Esperantan; demandaro kaj respondaro, la plej bona lernilo kaj amuzilo por kursoj kaj konversaciaj vesperoj. Al ĉiu mendonto estos ankaŭ sendota Pl. kun jubilea poŝtmarko. 2

GVIDLIBRETO tra Château-Tierry, Francujo, Aisne. — Ĵus aperis gvidlibreto tra la urbo, kie naskiĝis la mondfama fablisto La Fontaine. Gesamideanoj, skribu per poŝtkarto al S-ro Georges Delanoue, Delegito de UEA, 2, rue Drugon-Lecart, Château-Thierry, kaj vi tuj ricevos senpage tiun 16-paĝan broŝureton belilustritan.

INFORMO. — E. Souchay sciigas siajn korespondantojn, ke li ne plu loĝas 134 bld. Exelmans, sed 29 rue d'Ablon, en Athis-Mons (Seine et Oise) en bela kaj sana ĉirkaŭaĵo de Parzio. Lia edzino volonte akceptos hejme, kiel pagantan gaston, fraŭlinon dezirantan perfektiĝi en la franca lingvo.

INTERŜANĜO. — Mi deziras interŝanĝi il. poŝtkartojn kun samideanoj en malnovaj kaj karakterize naciaj urboj, ekz.: Bremen, Marseille, Moskvo, Sevilla kaj aliaj, ankaŭ kun Italujo, Svisujo, balkanaj, skandinavaj kaj ekstereŭropaj landoj. Mi sendas nur belajn Pl., laŭdezire ĉarmajn vidaĵojn de montaro Tatra. Mi certe respondos.

NOVAJ SIGELMARKOJ. — Oficiale eldonitaj okaze de postkongresa ekskurso al la kastelo de Loire (11 aŭgusto 1914). Bela kolekto de malsamaj markoj Sm. 0. 200, 4 kolektoj (100 markoj) Sm. 0. 600, 20 kolektoj (500 markoj) Sm. 2. 400. Haveblaj ĉe S-ro E. Chaussard, 127 bis Faubourg Bannier, Orléans (Francujo) kiu sendos afrankite kontraŭ antaŭpago. Konto ĉe Ĉekbanko Esperantista.

PENSION-LERNEJO: 17 St. Stephen's Square, London W, D-ro O'Connor. M. A. P. D-ro. Prospekto senpage.

10 POŜTKARTOJN ILUSTRITAJN de bela montaro „Krokonoŝe" (Riesengebirge) mi sendas kontraŭ antaŭsendita Sm. 0. 500. Jose Kavan, papervendisto, Jilemnice (Aŭstrio, Bohemujo).

RUSA VORTARO de P. Stojan, laŭ modelo Larousse, enhavas 40 mil vortojn kaj 1300 bildojn. Afrankite kaj rekomendite Sm. 3. 50, bone bindita Sm. 3. 80. Librejo „Esperanto", Lubjanski pr. 3, Moskvo.

TESTUDOJ, gardantoj kontraŭ la insektoj en la ĝardenoj. Du belaj testudoj kontraŭ poŝtmandato de Sm. 2.500 por Eŭropo; ekster Eŭropo oni aldonu la poŝtelspezojn. Adreso: H. Manson, Librejo Esperanto, Ferryville (Tunizio).

VORTARO. — Sistema vortaro de Hecker, germana-esperanta kaj esperanta-germana, prezo kutima fr. 2.50, nur por fr. 1.50 kun sendo. Sin turni al Univerala Esperantia Librejo, 10, rue de la Bourse, Genève.

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO